XXVIII-a Jaro. — N° 378 (2). Monata Februaro 1932.

ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

ENHAVO: Angla lingvo en Azio, Edmond Privat (33) — Gandhi pri Zamenhof (34) — D-ro Privat en Hindujo (35) — La nekonata Ameriko (3) — Aforismoj (47) — Monte Carlo, de Ernest Marriott (37) — La maljuna arbo, de T. G. Masaryk (38) — Tra la libraro (39) — Du hispanaj sonetoj (41) — La ĉaro de Kronos, Spitteler (41) — Lingvaj studoj (42) — Notoj (43) — Universala Esperanto-Asocio: Raporto 1931: Dua parto: La Servoj (45) — Ĉu UEA pereu? (46) — Turismo kaj Trafiko (47) — Universala Esperanto-Asocio: Oficiala Informilo, N-ro 15 (48) — Kongresa Kalendaro 1932 (49) — 24-a Kongreso: Radio-Komisiono (50) — Itala E movado (50) — Oni dankas (50) — Novaj libroj 1931 (51) — Niaj mortintoj (51) — Internacia Polica Ligo (51) — Korespondado, P. & P. (52) — Reklamoj. Aldono: Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo N-ro 46.

# Angla lingvo en Azio

En Arabio kaj Hindujo la vojaĝanto ja dankas al angla lingvo pro ĉiuj servoj, sen kiuj la tuta vizitado fariĝus tre malfacila. En Hindujo mem, ne nur turismo, sed ankaŭ interŝanĝo de pensoj kaj ideoj estas ebla dank' al instruado de angla lingvo en ĉiuj duagradaj kaj superaj lernejoj.

Simila situacio ekzistas en Ĉinujo kaj Japanujo. Rilate Hindujon ni eĉ aŭdas en Eŭropo, ke la angla lingvo servas, ne nur al rilatoj inter Hindoj kaj eksterlandanoj, sed eĉ al Hindoj mem por siaj propraj interŝanĝoj inter diversaj regionoj.

Pri tiu ĉi punkto la vizitanto baldaŭ konstatas, ke oni trograndigis aserton, kiu ne plu korespondas al regantaj faktoj. La vero estas, ke Hindoj inter si preferas uzi *hindustani* kaj tiom emas al ĝi, ke ili nature tuj ekparolas en tiu komuna dialekto, kiam ili kunvenas el diversaj regionoj. Sola escepto notinda koncernas foje tiujn sudanojn, kies lingvo *Tamil* ne apartenas al tiel nomita hindo-eŭropa familio.

Sed la regantaj lingvoj de Hindujo *gujarati*, *maharati*, *hindi*, kaj eĉ *bengali* similas unu la alian eĉ pli proksime ol itala kaj hispana.

En Bombay parolantojn en publika kunveno ni aŭdis uzi la unuajn tri nomitajn sen ia ĝeno por la aŭdantaro.

La uzo de angla lingvo estas ĉefe limigata al presitaj dokumentoj, t.e. al tiuj libroj, kiuj celas internacian publikon aŭ tiuj gazetoj dezirantaj influi eksterlandan opinion.

La kaŭzoj de tiu diferenco inter la parola kaj skriba uzo estas diversaj. Interalie ni citu la fakton, ke la Mahometanoj skribas *hindustani* per persaj literoj kaj nomas ĝin *urdu*. La skribado kreas tie diferencon inter anoj de Hinduismo kaj Islamo.

Sed multe pli grava kaŭzo estas tiu sama fenomeno, kiun ni jam observis en Eŭropo, nome la malforteco de la angla lingvo el fonetika vidpunkto.

Granda seniluziiĝo atendas la eksterlandanon pri tio. En multegaj okazoj li komprenas nenion el la fluanta angla lingvo de tiu aŭ alia Hindo kaj li konstatas, ke lia propra angla parolo, ĝis tiam facile komprenita en Londono kaj en Usono, restas konstante misaŭdata en Hindujo.

La elparolo de angla lingvo estas tro malfacila. Tro da vokalaj diversaĵoj, tro da unusilabaj vortoj baras la klarecon de la sonaj signoj. Male *hindustani* posedas multe pli simplan kaj klaran sonecon, same kiel itala lingvo aŭ Esperanto.

Sama baro notiĝas en interparolo kun aŭ inter Ĉinoj kaj Japanoj sur ŝipo, kiam angla lingvo estas uzata.

Intelektaj interŝanĝoj estas facilaj skribe, sed sur la parola kampo la tuta afero reduktiĝas ofte al tiel nomita « nigrula » interparolo pri necesaĵoj.

Pensoj aŭ ideoj restas ne interŝanĝeblaj pro nura fonetika baro.

Aldonu al tiu grava malfacilaĵo la emon de la aziaj nacioj liberiĝi el ekstera kontrolo kaj vi komprenas la kaŭzon de tiu limigo en la uzo de la ĉefa lingvo del'Okcidento, kiu havas malantaŭ si tiom vastan potencon de la nombro.

Malgraŭ tiu impona avantaĝo kreskas la ŝancoj de helpa lingvo, kiu estus fonetike simpla kaj politike neŭtrala kiel Esperanto. Sur la skriba kampo la angla lingvo faras sian servon admirinde. Sur la parola, restas la bezono ankoraŭ ne kontentigita. Ŝanco malfermita.

Delhi 1932. Edmond PRIVAT.

# Okcidento kaj Oriento

## Gandhi pri Zamenhof

Ricevinte afablan inviton de Gandhi lin akompani tra l'Hindujo dum kelkaj semajnoj por studi surloke la kutimojn de lia popolo, mi havis okazon interparoli sur la ŝipo pri Zamenhof, pri Esperanto, pri homaranismo kaj miaj legantoj estos interesataj aŭdi iom el tio.

Mahatma Gandhi jam renkontis plurajn esperantistojn, interalie Kolonelon Pollen, lian malnovan amikon en Bombay, kiu fariĝis poste la unua prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio antaŭ la milito, jam en la tempo de la Bulonja kongreso.

La gramatikon de Esperanto li tralegis kaj trovis tre simpla, tiom ke li lernus la lingvon en dudek kvar horoj, se li klopodus, li diris. Sed nun lia zorgo estas alispeca. Sur lingva kampo li proponas al la diversaj hindaj gentoj unuiĝi per komuna lerno kaj uzo de *hindi*. Ĉar la eksteraj rilatoj jam estas faciligataj per la *angla* lingvo, kompreneble la Hindoj ne sentas la bezonon de alia helpa mondlingvo tiom, kiom aliaj nacioj. Tamen interesas kaj allogas ilin la neŭtraleco de Esperanto, lingvo ne ligata kun ia ajn politika potenco aŭ influo. Lingve tiu neŭtraleco kompreneble ne tiom brilas al iliaj okuloj kiom al niaj (Okcidentanoj), ĉar la vortaro de Esperanto devenas el okcidentaj fontoj, ne el orientaj, eĉ inter hindo-eŭropaj lingvoj.

Feliĉe restas certa kvanto da radikoj ankoraŭ sufiĉe similaj kiel *patr'*, la ciferoj *du*, *tri*, *kvin* k.t.p.

Do la Hindoj rigardas kun intereso kaj eĉ simpatio la vastan eksperimenton de esperanton, eĉ se ili ne troviĝas en taŭga momento por ĝin partopreni. Sed tio povos veni.

El la « *Vivo de Zamenhof* », kies anglan tradukon li ricevis en Londono, Gandhi legis la konkludajn partojn. Aparte lin interesis la homaranaj principoj, de D-ro Zamenhof kaj pri tio ni detale interparolis.

Ni relegis kune la dekdu principojn de Homaranismo, proponitajn de la fondinto de Esperanto kaj li esprimis sian aprobon kaj ŝaton al ili konsideri homaron kiel unu familion. Tiu idealo regu viajn agojn. Ne juĝu homon laŭ lia raso, sed laŭ liaj agoj. Lando apartenas, ne al unu gento sed al ĉiuj ĝiaj loĝantoj. Ne trudu vian gentan lingvon aŭ kredon al ceteraj homoj. Metu la nomon « homo » super nacieco. Patriotismo estu nura servo al regiona aro da homojfratoj, neniam malamo al aliaj homoj. Lingvo estu rimedo, ne celo. Via religio estu ne hereda afero, sed pro konvinko vere via. Viaj rilatoj kun homoj de malsamaj kredoj estu regataj laŭ principoj de komuna homaraneco kaj helpemo. Kulturu kun tuta homaro sentojn unuigajn, ne disigajn. Uzu neŭtralan lingvon kun homoj aligentaj.

Nur pri tiu ĉi laste nomita punkto Mahatma Gandhi esprimis dubon. Ne estas ĉiam eble, li diris, uzi neŭtralan lingvon. Esperanto estas ankoraŭ eksperimento, sekvinda kun simpatia intereso kaj fondita pro nobla homarana celo, sed ĝis kiam la vivo decidos ĉu ĝi estu la ĝenerala mondlingvo, tiam necesas uzi ĉiun disponeblan rimedon de kompreno. Li do preferus ŝanĝi tiun rekomendon laŭ la jena formo : Kun homoj aligentaj uzu neŭtralan lingvon aŭ ĉiuokaze lingvon laŭ ilia prefero, ne laŭ via propra.

Sed pri ĉiuj aliaj Zamenhofaj dekunu principoj de homaranismo li tre ĝojis kaj diris, ke li klopodas ĝuste tiel agi, pensi kaj instrui sur la internacia kaj interreligia kampo. Li rekonas en ili multon, kion li ĉiam profunde pripensis mem kaj penis plenumi, do nenion por li novan, sed klaran resumon de plej utilaj rekomendoj al homoj en la tuta mondo.

Nun niaj legantoj eble komprenos kial ni tiom ofte priparolis en ĉi tiu gazeto la vivon kaj instruon de la hinda gvidanto. Antaŭ ol havi tiun neforgeseblan interparolon kun li, ni jam sentis kaj trovis, ke la Zamenhofa homarana instruo estas eksterordinare simila al lia. Ne povas esti dubo, ke nia Majstro estus ne nur interesiĝinta al Gandhi, sed estus aminta lin tutkore se ili estus kunvenintaj en vivo.

Ne temas tie pri la libereco de Hindujo, kiu estas tute aparta problemo ĉefe politika, sed temas pri la instruo etika, religia kaj intergenta de Gandhi kaj ankaŭ pri lia deziro, ke lia nacio neniam uzu malamon aŭ sangajn rimedojn por atingi siajn celojn.

Kiu ne kapablas vidi kian historian valoron havas la movado de l'ideoj nun venantaj el Hindujo, tiu komprenas nenion el la tuta vivcelo de Zamenhof, kiu ĝis la morto petis nin memori, ke la lingvo estis nur rimedo por disvastigi liajn homaranajn principojn, por li la ĉefan aferon.

Ĉiu vespere, sur la ŝipo, Hindoj kunsidas dekminutojn kun Gandhi sur la ferdeko por kanti himnojn kaj aŭdi versojn el la bela libro *Bhagavat Gita*. Hodiaŭ li petis, ke ni kantu ankaŭ la preĝon sub la verda standardo de Zamenhof.

*« Al vi ni ne venas kun kredo nacia, kun dogmoj de blinda fervoro:*
*Silentas nun ĉiu disput' religia kaj regas nur kredo de koro.*
*Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala, kun ĝi la plej vera, sen trudo batala.*
*Ni staras nun, filoj de l'tuta homaro ĉe via altaro. »*

Rapide glitas la ŝipo sur la Ruĝa Maro, nigra nokto sub la helaj steloj. Dolĉe sonas la kantoj de Oriento kaj Okcidento. Pasis jam for la montoj de Grekujo, pasas la dezertoj, kie Moseo kondukis la hebrean popolon, pasas la bordoj de Egiptujo, kie faraono Eknaton rifuzis militon, morgaŭ ni haltos ĉe Arabio, kie Mohammed vokis sian popolon. Apude en Palestino, Kristo instruis malriĉajn fiŝkaptistojn. Baldaŭ ni atingos Hindujon, kie Budho predikis amon, veron kaj sindetenon de perforto. Poste ni revenos al nia Okcidento, kie du miljaroj ne sufiĉis por komprenigi al homoj la saĝon de la Krista konsilo :

*Amu unu la alian.*

Sonas la kantoj en vespero, kredo de vasta popolo tricentmiliona per sanskritaj vortoj konservita sopiro de tutmondaj esperantistoj per Zamenhofaj versoj esprimita.

Ĉu ne venos tago, kiam la okcidenta esperantistaro scias komenci novan movadon kaj uzi la lingvon de Zamenhof por organizi la disvastigadon kaj aplikadon de lia homarana programo ? Tiam Oriento kaj Okcidento renkontiĝos. Hindujo lernos Esperanton kiam esperantistoj tiros homaranismon el forgesitaj broŝuroj por ĝin apliki al Eŭropa vivo.

Edmond Privat.

# D-ro Privat en Hindujo

D-ro Privat paroladis pri Esperanto kaj D-ro Zamenhof en Ramjas College, Universitato de Delhi, la ĉefurbo de Hindujo la 13an de Januaro al aŭdantaro de tricent studentoj kaj profesoroj. Prezidis la estro de la universitata kolegio Profesoro Thadani.

Post la parolado la rektoro kaj studentoj decidis ekrilati kun la Delegito de UEA S-ro Divekar, en Bombay por venigi esperantan literaturon.

La 19an de Januaro D-ro Privat estis akceptata de la Vic-Reĝo Lord Willingdon en la palaco de New-Delhi.

*(Redakcio)*

# Socia Vivo

## La nekonata Ameriko

Laŭ Lewis F. Carr

*Ameriko* estis iam la sopiro de miloj da homoj lacaj je Eŭropo, avidaj je vivo pli freŝa, malpli ŝarĝita de tradicio kaj arkaismo. *Usono* kaj tion celas tiuj linioj, ja havis alnomon de la « Lando de senlimaj eblaĵoj ». Sed malmulte oni scias pri tiu ĉi giganta ŝtataro kun la tri signifaj literoj U S A. Parolante pri Usono ni memoras urbojn *New York*, *Boston*, *Washington*, *Philadelphia*, *Minneapolis*, *St. Louis*, *Detroit*, *San Francisco*, ne forgesinde *Chicago* kaj *Hollywood*. La plej rimarkindaj urboj estas en la nordo. Ligante per linio la sep unuajn lokojn antaŭe cititajn, oni limigas la *riĉan Amerikon*, kiu tiom impresas la mondon per ĝia raciigo, ĝia riĉeco, ĝia progreso kaj ĝia rapideco.

Sed inter tiuj linioj troviĝas nur dekses ŝtatoj kaj unu duona, nome *Massachusetts*, *Rhode Islands*, *Connecticut*, *New York*, *New Jersey*, *Delaware*, *Pennsylvania*, *Ohio* , *Indiana*, *Illinois*, *Michigan*, *Wisconsin*, *Minnesota*, *Iowa*, *Missouri* la duono de *Kansas*, de *Nebraska* kaj la distrikto de *Columbia*.

Tiu ĉi teritorio ampleksas la Mez-okcidenton kaj la orienton, kion kune oni nomas la « Nordon ». Ĝi reprezentas nur 22% de la tuta amplekso de Usono. Sed vivas tie-ĉi 57% de la tuta loĝantaro, usona, kaj 82% de la nacia havaĵo troviĝas tie. La relative malgranda « Maiz-teritorio » okupas 18% de la tereno, sed ĝi produktas 3/4 de la usona maizrikolto kaj preskaŭ la duonon de la tutmonda rikolto. Tie ĉi estas lokita 3/4 de la agrikultura riĉeco de l'tuta Usono.

Sed malantaŭ tiu ĉi linio troviĝas la « *alia Ameriko* » kie mono ne abundas, kie riĉeco ne akiriĝas tiom facile, kie la homoj ne loĝas en noblaj domoj kaj kie multaj ne scias eĉ legi kaj skribi, kie efektive ĉio estas alia.

Ni vidu la nordorientan pinton de Usono. Estas la ŝtatoj *Maine*, *New Hampshire* kaj *Vermont*. Ĝi estas la komenco de nia « alia Ameriko ». Tie la vintroj estas tre malvarmaj, la tero ne estas tre fruktodona kaj la terformacioj estas malregulaj. Ĝie oni vidas forlasitajn farmojn, nenie grandajn urbojn, nenia impona industrio. Nur 25% de la tero estas kulturata. La analfabeteco en New Hampshire atingas 5% kaj en la du aliaj ŝtatoj ĉirkaŭ 3%. Tie ekzistas la pra-arbaroj kaj kvazaŭ fermitaj regionoj, en kiuj ŝajne la civilizo haltiĝis.

Saltante ŝtaton Novjorkan kaj teriĝante Pensilvanion sudan, ni troviĝas ĉe komenco de la Apalachian montaro. Sude de tie ĉi kaj iom okcidenten ĝis la golfŝtato de Alabama ni trovas « forgesitan » montarpopolon. Ĉirkaŭ la jaro 1900, oni sciiĝis pri tio en Usono dank'al la laboroj de Walther Hines Pages k.a., ke vivas tie ĉi ĉirkaŭ 6 ĝis 7 milionoj da homoj eksigataj de ĉiu progreso. Enfermitaj en montarnestoj, ili perdis ĉiun kontakton kun la cetera mondo. Ili parolas ankoraŭ nun, specon de angla lingvo el la tempo de reĝino Elizabeto kaj kantas la malnovajn kantojn de Anglujo el la 17-a jarcento, akompanante sin per primitivaj instrumentoj.

Tiuj ĉi homoj estas sen mono, sen kulturo. Eĉ ili ne scias kiu prezidas la Union. Ankoraŭ en la kolonia epoko, ili faris el la etgrajna maizo la viskion kaj transportis ĝin per ĉevaloj trans la montoj. Tiel fariĝis la usona nomo « *Montar-roso* ». Tiu-ĉi popolo ankoraŭ nun preparas viskion malgraŭ la prohibicio kaj multaj eĉ ne scias, ke ekzistas tia malpermeso de alkoholaj trinkaĵoj. La muroj de la ĉambroj estas kovritaj je pistoloj kaj pafiloj. Malamikeco interhoma daŭras kun mezepoka persisteco.

Okcidente de la Alleghani-montaro etendiĝas la granda « *mezokcidento* » de Columbus (Ohio) trans *Indiana*, *Illinois*, *Iowa* kaj la duono de *Kansas* kaj *Nebraska*. Tie ĉi batalas Ford kaj General Motors pri la supereco, tie ĉi laboras la United States Steel Company. Tie ĉi la lando estas dense provizita je fervojoj kaj plena je urboj florantaj. Nur unu procenton da analfabetuloj oni trovas tie ĉi kaj tio estas negroj aŭ personoj naskiĝintaj en eksterlando. Tie ĉi la sistemo de la amas-produktado kaj konsumado atingis sian plej altan evoluon.

En la ŝtatoj de la Rocky Mountains la evoluo estas malrapida kiel la kresko de la loĝantaro. Apenaŭ estas industrio, malmulte da koncentrita riĉeco kaj vastaj regionoj neloĝataj. Ekzemple la urbo Dayton estas laŭ la nombro de la loĝantoj la sesa urbo de Ohio, sed vivas en ĝi trifoje pli da homoj ol en la tuta ŝtato de Nevada. En la montara regiono estas nur Denver kaj Salt Lake City imponaj urboj.

Pli okcidente troviĝas la marborda teritorio de l'Pacifika Oceano, kiu parte tre prosperas. En la sudokcidento de Kalifornio kaj en la valoj internaj ni trovas multe da fruktoj speciale citronoj kaj vinberoj. La kalifornianoj havas pli komunecan solidarecon kaj evoluis kooperativan sistemon ĉe la vendado de iliaj produktaĵoj. Pro tio ili atingis grandajn avantaĝojn. Kunhelpas ankaŭ la transmara komerco, vicigi tiun teritorion en la ideon de l'riĉa Ameriko. Fine ĝi estas ankaŭ, kiel Florida, la lando de la aferistoj retiriĝantaj de l'negocoj.

Fine ni rigardu la grandan sudon. Ĝi etendiĝas de l'Potomac-rivero ĝis la Rio Grande. Ĝi estas teritorio distingiĝinta iam je impona kaj aminda civilizo. Hodiaŭ ĝi estas bedaŭrinde la centro de l'alia Ameriko. Vera tragedio ! Por kompreni tion, ni devas klarigi, ke ĝi ne posedas la naturriĉaĵojn kaj fruktodonon de l'nordo. Ĝia klimato estas sufokiga, ĝi iam estis prilaborita de sklavoj kun la rezulto ke la raciigo ne povis evoluiĝi. La sola rikolto kiun havas tiu ĉi lando estas kotono, ne kulturita per maŝinoj kaj sekve ne rentumanta per la nunaj kostoj. Pro tio ĉi kaŭzo devas tie vivi 30 milionoj sub vivnivelo multe malsuper tiu de la nordo.

Kompreneble estas esceptoj. Oazoj de prospero en la vasta kotonlando de bankroto. La Blues-Grass teritorio en *Kentucky*, partoj de *Tenessee*, kelkaj regionoj de *Nord-Carolina. Louisiana kaj Oklahoma*, la nigra terzono de *Alabamo*, la *Mississippi*-delto, la nigra lando de *Texas*, urboj *Dallas*, *Birmingham* kaj *Atlanta*. Tie ĉi oni trovas riĉecon, kompareblan iom kun tiu de la nordo. Jen oni vidas evoluon. Sed ĝenerale la sudo prezentas malaltan nivelon ekonomian.

Ni parolu kun farmisto en la kotonlando. Ni trovas lin en primitiva trunkodomo (blokhaŭso). Blankulo parolas kun ni, sed tuj ni aŭdas ke liaj paroloj ne estas gramatike ĝustaj. Tamen estas mola, muzikoplena, agrabla parolaĵo. Li estas la personigita ĝentileco. Tiom malriĉa ankaŭ estas lia hejmo, li nepre nin invitas ke ni sidu momenton. Li ridetas nin bonvenigante. Ni sidas en la antaŭĉambro de la domo sur nekomfortaj memfaritaj seĝoj. La viro rakontas al ni, ke la tero ne apartenas al li, ke li estas farmluanto, ke li ne posedas aŭtomobilon nek radio-aparaton, ke liaj infanoj nur povas viziti la unuajn klasojn de la lernejo. Eble li ankaŭ diras, ke li mem ne scias legi, nek skribi.

Rigardo en la internaĵo de la domo montras al ni neeblan malplenon, ni vidas preskaŭ nenian meblaron. Ne estas libroj aŭ gazetoj. Multaj el tiuj farmistoj eĉ ne posedas biblion. 75% de la kulturita lando en la kotonŝtatoj estas prilaborata de agrikulturistoj, kiuj vivas simile. De homoj, kiuj meze gajnas 250 dolarojn jare, foje eĉ neniom kaj kiuj en la plej mizeraj jaroj vivas el fiŝkaptado kaj ĉasado.

Ĉio ankoraŭ komplikiĝas pro la ekzisto de negroj. En la sudo estas proksimume dek milionoj da negroj, 6/7 de la tuta nigra loĝantaro de Usono. La negro en la sudo estas plejofte analfabetulo, sed ankaŭ inter la indiĝenaj blankuloj estas 8% da analfabetuloj.

Kompletigas tion ankoraŭ la fakto ke la sudo estas subtropika kaj saturita je malario kaj aliaj malsanoj. Latente dormas tiuj malsanoj ankoraŭ en paciento, opinianta sin jam resanigita. Ĝi reduktigas la rezistopovon, degenerigas kaj malfortigas, ankaŭ se tiuj malsanoj estas malofte mortigaj. Preskaŭ ĉiuj homoj vivantaj en la sudo estas kaptitaj de malsanoj.

Laŭ la statistiko ni konstatas, ke la farmisto ŝanĝas jare kaj pro tio ne havas intereson bone okupiĝi pri la tero. Nutrado de bovino kostus tro multe. La terposedanto ja preferas, ke la farmisto aĉetu en sia vendejo ĉiujn nutraĵojn, eĉ kondensitan lakton. La profito el tiu ĉi negoco ja ebligas al li ekzisti — kaj ne la kulturado de l'kotono.

La kutimo aĉeti konservojn, kiuj ne entenas vitaminojn, havas gravajn sekvojn. Ĝi kaŭzas nesufiĉan nutriĝon, malkreskigante la rezistopovon kontraŭ ĉia malsano. Tuberkulozo kaj sifiliso kondukas ofte al morto. Tiuj ĉi kondiĉoj rilatas je proksimume 10 milionoj da farmistoj. Tio estas la plej granda tragedio en la amerika vivo, eble de la tuta mondo.

Nature ekzistas ankaŭ bonhavaj homoj en la sudo, kiajn oni trovas en ĉiu lando. Homoj vivantaj en bone zorgitaj belaj domoj, ne ŝarĝitaj per hipotekoj, homoj bone vestitaj kiuj povas sendi filojn al universitato. Sed ili estas maloftaj kaj ilia havaĵo estas eta : 30-50.000, plej multe 100.000 da Dolaroj. Milionuloj estas nekonataj.

Tie ĉi ni ne vidas bone zorgitajn landstratojn plenaj je aŭtomobiloj kaj ŝarĝveturiloj, sed nur polvoplenan malebenan vojon, sur kiu trenas maldikaj muloj duon-rompitajn ŝanceliĝantajn veturilojn. Ĉe l'horizonto ne vidiĝas grandiozaj ekspresvagonaroj kun 90 mejla rapideco sur senriproĉe aranĝita relaro, sed nur eta vagonaro kun du vagonoj kaj tre malgranda lokomotivo rampas sur malbonaj reloj 20-25 mejlojn dum horo.

Ne estas intenco de la verkisto pentri tro malhelan bildon sed li vivis tre longe mem en tiu kamparaj regionoj. Li konas la socian ne-egalecon de Ameriko inter la industriaj kaj agrikulturaj klasoj kaj li okupiĝis pri ĉiaspeca statistiko.

La fruktodona maizteritorio, en la bonhava Ameriko posedas 40.000 mejlojn da bone zorgitaj vojoj. Ĉiu loĝanto posedas meze 3.800 Dolarojn ; la lerneja budĝeto pro infano estas jare cent, la jara enspezo meza de unu persono estas 921 kaj la meza valoro de unu farmbieno estas 6.000 Dolaroj.

Sed la tipa suda ŝtato, kies teritorio estas iom pli granda nur disponas pri 10.000 mejloj de bonaj landstratoj . La riĉeco po kapo estas nur 1.200, la lerneja budĝeto po infano nur 20, la meza enspezo de unu persono estas 252 kaj la meza valoro de unu farmbieno nur 800 Dolaroj. La fundamenta ekonomia diverseco inter tiuj du teritorioj ĉiel evidentiĝas.

*Tiel aspektas la nekonata Ameriko.*

---

Prilaboris G. Agricola.

(Laŭ afabla permeso de Verlag Ullstein, Berlin el revuo "Uhu")

# Literaturo

## Monte Carlo

### (El " Kontinentaj Vinjetoj ")

De Ernest Marriott

I

Hodiaŭ estas tropika tago, kaj la blankaj terasoj estas plenegaj de homoj. La gigantaj frondoj de la palmoj flirtas dolĉe en la silkeca brezo. Luksa dormiga sento estas en la aero, kaj la amasoj da florantaj kaktoj, la neregula olivarbo, la figarboj kaj oranĝarboj sin banas en forta sunlumo.

Geranioj formas brulantajn spacojn da koloro kontraŭ la mallumverdaj volvokreskaĵoj, kaj la akacioj distilas ĉie sian dolĉan parfumon.

Unu el la plej belaj lokoj sur la tero kaj unu el la plej artefaritaj.

Ĉi tie, ŝajne, la spirito de gajeco loĝas sur ĉio. En la haveno graciaj jaktoj balanciĝas malenergie sur la ondetanta akvo. Kelke da motorboatoj kuregas tien kaj reen, tranĉante kaj traŝirante la Mediteranean bluon kiel plugiloj. La ŝtonegoj de la promontoro ardas en la varmo, kaj kontraŭ ilia bazo malvarmetaj ondoj plonĝas muzike, rompiĝante en kremkoloran ŝaŭmon.

Sub la terasoj de la kazino kaj elstaranta en la akvon troviĝas platsupra teramaso, kie havas lokon kolombopafa konkurso.

La flankoj de senkulpaspekta fera kesto subite disfalas. Kolombo flugetas, pafilo krakas kaj la birdo ruliĝas en maso da sango kaj plumoj. Ĉi tio estas la fama sporto de Monte Carlo. Ĝi daŭras la tutan matenon. Birdo post birdo estas mortigita preskaŭ antaŭ ol ĝi povas leviĝi super la kesto. Kelkaj el la birdoj forflugas. Unu el ili havas flugilon parte detruitan de malbona pafo. Ĝi flugas trans la retaĵon kaj falas en la maron sube. Ĉe alia birdo la vosto estas forpafita, kaj ĉar ĝi jam ne povas direkti sin, ĝi flugetas tien kaj reen kaj fine atingas la tegmenton de la kazino ; poste ĝi falas kaj ruliĝas malsupren en la defluilojn.

Al multaj kripligataj birdoj estas permesite vivi kaj kompatinda amaso da batalmarkitaj veteranoj, ili aspektas, dum ili faletas kaj flugetas tien kaj reen inter la stukaj ornamaĵoj de la kazinaj konstruaĵoj.

Babilantaj grupoj da gaje vestitaj homoj troviĝas sur la terasoj, elegantaj aŭtomobiloj kuregas tien kaj reen sur la sunaj stratoj kaj tra la palmoborderitaj kaleŝovojoj, dum en la orientaj ĝardenoj kelke da vizitantoj trovas malvarmetajn kaj ombrajn laŭbojn por trankvila ripozo.

II

La briletantaj salonoj de la kazino estas plenegaj de homoj el diversaj nacioj, kaj la miksitaj odoroj de parfumoj konkuras, por sentigi sin en la fetora atmosfero. Estas post noktomezo, kaj la febra persekutado post la diino de fortuno daŭros ankoraŭ kelke da horoj. En ĉi tiuj serioj da grandaj vetludaj salonoj ĉiu homo aperas en vespera kostumo konforme al severa regulo farita de la administracio. Pluaj homoj alvenas senĉese. Ekstere la nokto estas varma, kaj la plumecaj palmoj estas malhele verdaj kontraŭ la mallume blua ĉielo. Konstanta fluo de elirantaj vizitantoj kontraŭpeziĝas de eniranta tajdo. Kelkaj alvenas piede, aliaj en kaleŝoj, kaj granda nombro en glate kurantaj aŭtomobiloj, kiuj kun eksterordinara rapideco kaj precizeco flankeniĝas ĉirkaŭ la kaleŝovojo ĝis la enirejo.

Interne, amaso da vetludantoj, absorbitaj kaj observemaj, kolektiĝas ĉirkaŭ ĉiu tablo.

Malmulte da sonoj aŭdiĝas krom la krioj de la krupieroj, la sursurado de bankbiletoj kaj la altirado de mono. Pecetoj da kartono enhavantaj regulojn pri la ludo, floroj falintaj de la vestoj de la sinjorinoj kaj diversgrandaj fragmentoj da papero kun notoj pri la gajnantaj numeroj diskuŝas sur la planko. La lumo reflektita sur la tablojn lumigas ilian verdan koloron, kaj la flavaj linioj kaj ciferoj markitaj sur ili aspektas kiel fandita oro.

Dum la mono ĵetiĝas sur la streĉitan tolon, ĝi faras pad-pad-padan sonon, kaj la ebura pilko falanta en la kirlantan ruletan radon sonas riketi-klik-klik-kliketi-rik.

La atmosfero estas preskaŭ netolerebla, tamen la ludantoj ne plendas. En ĉi tiuj salonoj neniu povus konservi klaran kapon dum longa tempo. Eble tio estas la motivo, pro kio la administrantoj rifuzas ventoli ĉi tiun konstruaĵon, kiu estas kredeble la plej multekosta, la plej multornamita, kaj arkitekture la plej vulgara sur la Riviero.

Multaj el la ludantoj havas kaviĝintajn okulojn kaj flavpalajn vizaĝojn. Ĉi tiu iktera aspekto estas la sigelo, kiun la kazino metas sur siajn vizitantojn.

Ĉe unu el la tabloj juna geedza paro vetas sian monon sur kontraŭaj koloroj, por ke unu el ili nepre gajnu. Apude troviĝas kalva grasulo, kun ŝvito elstaranta en gutoj sur la kapo kiel roseroj sur melono. Tute proksime de li sin trovas multjara virino nigre vestita. Ŝi havas malbelan vizaĝon kaj maldensan barbon, kaj ŝi gajnas grandegajn sumojn da mono, kiujn ŝi donas en la gardon de sia ameganta malgranda edzo, kiu, vibrante pro ekscitiĝo, sidas ĝojaĉante pri ŝia ŝveliĝanta monujo.

En ĉiu salono la supredirita ripetiĝas kun malgrandetaj ŝanĝoj. La sama diversaspekta amaso estas mense streĉita de la ĉarmo de fortuno. Viroj, grasaj kaj malgrasaj, fortikaj aŭ malfortikaj, palegaj aŭ rozaj, kaj tre multaj kun vizaĝoj tiel flavaj, kiel la ormoneroj al kiuj ili tiel avide sopiras. La virinaj kostumoj formas spacojn da koloro sur la sceno. Troviĝas multaj kiuj *estas*, sed malmultaj, kiuj *aspektas* kiel sinjorinoj. Tie, sidante inter du viroj, estas unu, kiu evidente ne estas sinjorino. Ŝia eksterordinara vespera kostumo havas la koloron de ruĝvarmega fero, kaj indulge oni devas supozi, ke la varmo kaj riĉeco de la materialo kompensas por la malabunddeco de la supra duono.

Ĉe alia tablo troviĝas fiera aroganta virino vestita en ostroblanka atlaso, kaj grandega ĉapelo kun jardlongaj purpuraj plumoj pendantaj el ĝi. Kian diversaspektan amason ili formas!

« Brilaspergitaj per juveloj,
atlasoj, silko kaj puntoj,
Maljunulinoj, kies malnovaj
brustoj en iliaj korsetoj knaras,»

mezaĝaj virinoj en junulaj kostumoj, kaj junaj belaj sinjorinoj kun zorge emajlitaj vizaĝoj kaj fingroj briletantaj per ringoj. Kelkaj el ili havas naturajn vizaĝkolorojn, sed ili ne povos tion longe konservi, se ili faros pli multe da vizitoj al la vetludaj salonoj.

Ĉe la « *Trente et Quarante* » tablo sidas terure grasa virino vestita iomete kiel Dresdena ŝafgardistino. Unu el ŝiaj grandegaj brakoj havas tranĉitan manikon krucigita per ligiloj el silka ŝnuro. Tra la aperturoj la karno elstaras kaj sugestias abomenan komparon kun rulo da lardo firme ĉirkaŭligita per ŝnuro.

En kontrasto, tie, paŝetante, estas du feinovizaĝaj fratinoj, glanverde vestitaj kaj aspektantaj kvazaŭ ili ĵus dancis el la palaco de Oberon.

Malgrandaj grupoj da viroj kaj virinoj vagas de tablo al tablo sub la flagraj elektraj kandelabroj. La ludo daŭras, la krupieroj palaj kaj senemociaj, altiras per lertaj movadoj, la brilajn orajn kaj arĝentajn pecojn. Ili ŝajnas iomete enuigitaj.

Estas jam post la unua matene. Ĉirkaŭ kelkaj el la tabloj la vetludantoj estas aranĝitaj po tri aŭ kvar vicoj. Ili ankoraŭ nutras la monstron, kaj la monstro avide englutas. Nur malofte kaj malmulte ĝi redonas.

Ekstere en la odora nokto la blankaj konstruaĵoj elstaras klare en la elektra brilego.

La ĉielo estas ne malluma, sed profunde blua, kiel la robo de Madono. La grandegaj palmoj en la kazinaj ĝardenoj kaj sur la terasoj estas lumigitaj per lumiloj. Estas granda arego da steloj, kaj la mallume purpura maro ekbrulas kaj trembrilas malsupre.

La vizitantoj ĉe Monte Carlo ankoraŭ avidas ekscitiĝon. Multaj forrapidas de la vetludaj salonoj en aŭtomobiloj, por pasigi lastan horon ĉe la teatro, kiu fermiĝas malfrue en la mateno. Kelkaj eniras en multekostajn restoraciojn por viveca kaj multekosta vespermanĝo.

Kelkaj intencas promenadi kviete kaj poste enlitiĝi, kaj nur Dio scias la intencojn de la aliaj.

(Tradukis el angla: Rhodes Marriott, Patro de l'verkinto.)

# La maljuna arbo

De T. G. Masaryk.
Prezidanto de Ĉeĥoslov. Respubliko.

Rehejmiĝinta el la milito, frapis min la fizika maljuniĝo de miaj konatuloj. Dum milito mi estis tiel profunde elpensiĝinta per ĝiaj detaloj kaj finrezultoj, ke mi eĉ mallernis atente observi la aliulojn. Do vidante la ŝanĝojn de mia amikaro, mi ektremis je la penso, ke eble ankaŭ al mia fiziko la milito postlasis signojn de maljuniĝo.

Ni kontemplu ĉi tiun kverkon! Laŭdire ĝi havas 900 jarojn. Kiel forta ĝi estas, kaj kiom pli da vivpersisteco ĝi posedas ol la malpli junaj arboj. Ĝiaj alteco kaj aĝo nepre malhelpas produkti burĝonojn kaj foliojn. Mia opinio ankaŭ la homo ne devas maljuniĝi, ne konsiderante miraklon, se li atingas la aĝon de 100 jaroj — certe, ke oni ne konservas la junecon per nenaturaj kaj artefaritaj operacioj, kiujn mi ne aprobas. Konsilinde estas vivi en sana kaj suna aero, manĝi kaj trinki modere, seksrilate resti sana, bridante siajn voluptojn, labori per cerbo kaj muskoloj, kaj havi iom da zorgo kaj celon.

Jen mia makrobiotika vivrecepto! Plie klopodu ne perdi la intelektan intereson, tio ja estas la vivo mem, ĉar sen tia interesemo la vivo neniom valoras.

Plejparte ni kutimas mezuri la vivon iom unuflanke. konsiderante ĝin laŭ ĝia longeco, sed ne laŭ ĝia grandeco. La plimulto da homoj cerbumas, kiamaniere plilongigi la vivadon, sen meditadi, kiaspece ĝin plenigi. Multaj homoj timas la morton ignorintaj sian nurduonan vivadon, estu, ke ĝi estu sen enhavo, estu, ke sen amo kaj vivĝojo. En la sfero de la pensoj kaj en tiuj de la etika bonordo, ni rajtas posedi en ĉi tiu mondo bonan parton de la eterneco. Estas ja bone, ke ni celas plilongigi la vivon, sed krom tio ni devas ĝin fari multvalora. Ofte mi havas belan sonĝon, ne imagante el kiaj cirkonstancoj ĝi devenos. Verŝajne mi elĉerpis ĝin iam de ia bela pentraĵo. « Ora ŝipo sur vasta maro, sur ĝi kliniĝas anĝelo super horloĝo. De tempo al tempo larmo falas de la horloĝo en la profundan maron. La anĝelo diras: Denove la tempo forpasis! Mi imagas ĉi tiun sonĝon kvazaŭ ĝi estus minaco: « Estu agema kaj laborema antaŭ ol forkuras viaj sekundoj! »

Multaj homoj maljuniĝas kaŭze de oportuneco, ne emante labori. Do, ne maljuniĝi, volas diri, ne nur konservi sian junecon, sed agi senhalte. Ĉiu sekvonta jaro devas montri supreniron sur vivŝtupetaro almenaŭ je unu ŝtupeto. Mi kontrolas min atente, ĉu mi maljuniĝas, observante miajn spiritajn fortojn, talentojn, memoron kaj tiel plu. En okazo de la perdo de mia spirita kapablo, mi nepre ne hezitos cedi la funkciadon al iu pli juna.

Trad. Milly Witz.

# Tra la libraro

**La vojo returne — Kataluna Antologio — Teatraĵo: Broŝuroj — Lernolibroj kaj diversaĵaj.**

---

Al la eldonejo : *Heroldo de Esperanto*, ni ŝuldas la esperantan tradukon de : En Okcidento nenio nova, la plej multe legita kaj tradukita el la militlibroj. Ĝi nun liveras al ni la duan verkon de Remarque, la sekvon de l'antaŭnomita, sub la titolo : *La vojo returne*. Tiu dua libro estas same zorge presita, sur bona papero ; estas plezuro foliumi kaj legi tian presaĵon. Se Remarque ne plu pentras la militon mem, li per la sama impresa maniero, bildigas ĝiajn sekvojn ĉe la militintoj, kaj tiuj efikoj estas ja malgajegaj. La ekssoldatoj ne povas retrovi sian vivcelon ; unu suferas pro malfideleco de sia edzino, alia freneziĝas, alia memmortigas, alia malsaniĝas je sifiliso, alia fariĝas mortiganto, alia mortas, pafata de siaj kunuloj dum revolucia epizodo, la lasta vane serĉas, sub la soldata uniformo, la dummilitan kamaradecon, kiu sola meze de l'teruraĵoj estis ilia konsolo. La aŭtoro, tiun nigran pesimistan revuon vidigas per sinsekvaj ĉapitroj, kiuj plurfoje rondiras, remontrante vice la samajn kompatindulojn, ĉiam je plua stadio de ilia mensevoluo. Tiu stilprocedo tre taŭgas ; ĝi iom disigas la verkon el pura romano, tamen ne farante ĝin « eseo » aŭ sociologia studo. La esenca ideo estas ke, kiuj travivis la buĉadon, kaj kiuj nur de fore suferis pro ĝi, tiuj estus samaĝuloj, konatoj, samurbanoj, eĉ parencoj, tute ne plu povas kompreni unu alian. La konflikto inter la milita kaj la civila rondoj, inter la nova kaj la antaŭa generacioj ne estas solvebla. Multaj scenoj majstre priskribitaj restas en la memoro : la unua ĉapitro, kie, ĉe finiĝanta milito, ĉiu arde atendas la pacon, sed ne rekonas ĝin kiam ĝi alvenas ; la renkonto de l'elĉerpitaj germanoj, tuj post la armistico, kun la freŝaj novalvenitaj amerikanoj ; la reiro al lernejo de ekssoldatoj, kiuj kompreneble ne akceptas la antaŭajn disciplinon kaj malnovmodan instruon ; la juĝado de l'mortiginto, kiam liaj kunbatalintoj atestas kaj akre akuzas la militspiriton ; kaj aliaj. Kaj meze de tiuj malĝojaj, krudaj, maldecaj scenoj, tamen aperas poezia sento pri la serena naturo kaj ĝiaj belaĵoj, oazetoj en senfinaĵo de abomenaĵoj.

La stilo de la traduko estas tre bona ; S-ro Berger deziris samtempe plej precize traduki, kaj tamen prezenti literaturaĵon esperantan ; la unua celo iom kontraŭstaris la duan ; pro sama klopodo, la neologismoj, cetere honeste listigataj kaj klarigatoj en aldono, tamen estas tro multnombraj. Kelkaj frazoj montros la fluecon de l'traduko, kaj la filozofion de l'aŭtoro :

*« Eble nur pro tio ekestas milito ĉiam denove kaj denove, ke iu neniam kapablas tute elsenti tion, kion suferas alia.»*

*« Jen ili venas kaj parolas, gepatroj, bogepatroj, kaj ili ne komprenas min, nek mi komprenas ilin. Kvazaŭ ni ĉiuj ne plu estas la samaj homoj. Vi komprenas min, Ernst, kaj mi vin, sed rilate al ili estas, vazaŭ muro starus intere.»*

*« Mi restis ŝia infano ĉiam ankaŭ kiel soldato. Ŝi vidis la militon nur kiel volvaĵon da danĝeraj bestegoj, kiuj enbuskis la vivon de ŝia minacata infano. Sed neniam venis al ŝi la penso, ke ĉi tiu minacata infano estis same danĝera bestego por la infanoj de aliaj patrinoj.»*

*« Mi per la kavigita mano ekkaptas du dornfiŝetojn. Mi ĉerpas ilin en mian glason kaj observas ilin. Ili pafnaĝas tien kaj tien, gracietaj, kaj perfektaj, kun siaj tri dornoj sur la dorso, kun la gracila bruna korpo kaj la vibregantaj brustnaĝiloj. La akvo estas klara kiel kristalo. La rebriloj de l'vitro speguliĝas en ĝi, kaj subite mia spirado ekhaltas, tiom forte mi sentas, kiel bela estas tiu akvo en la glaso kun la lumaĵoj kaj rebriloj.»*

*« Ĉio alia pereis dum la milito, sed je la kamaradeco ni kredis. Kaj nun ni vidas: kion fari ne sukcesis la Morto, tion sukcesis fari la Vivo : ĝi disigas nin.»*

*« Ankoraŭ ni estas preskaŭ ĉastaj, sed nia fantazio estas putrigita, sen ke ni rimarkis tion, kaj ankaŭ ol ni sciis ion pri la amo, ni estis jam esplorataj laŭvice pri veneraj malsanoj.»*

*« La tutmonda junularo leviĝis, kaj en ĉiu lando ĝi estas primensogita kaj mizusita, en ĉiu lando ĝi batalis por interesoj anstataŭ por idealoj, en ĉiu lando ĝi estas pafmortigita kaj ekstermis reciproke sin mem.»*

Ni insistis pri la malgajiga efiko de l'libro ; tio ne tuŝas ĝian valoron ; ekzistas kuraciloj tre amaraj, tamen sanigaj. La libroj de Remarque estas kuraĝaj atakoj al la monstra statuo de l'militemo, kiu premsufokas la mondon, kaj ili sukcese helpas ŝanceli ĝin. Post ilia neatendita famiĝo, venis kontraŭa fluo da multflankaj, multkaŭzaj kritikoj ; post estingiĝo de tiuj disputoj, mi kredas, ke ilin oni rigardos plej trafaj pentraĵoj de l'milita epoko ; pro iela inspiro, per magia imago, per ia stilsorĉo, Remarque skribas preskaŭ pli vere ol la vero mem. Ni ne preterpasu riĉigi niajn personajn aŭ grupajn bibliotekojn per esperanto-tradukoj tiom valoraj.

---

Ne ofte sekvas unu alian en niaj recenzoj laŭdindaj libroj, kiel la supre priparolita kaj kiel *Kataluna Antologio*, kiu reaperas en dua eldono. Ke la unua el tia dika kvarcentpaĝa grandformata volumo ne sufiĉis, tio estas rimarkinda fakto. La libro tute meritas tiun ŝaton, kiel ankaŭ la mencion subtitolan : verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Tiun distingon oni ĝis nun malofte atentis, aŭ per ĝi ne sufiĉe reklamis.

La papero de l'unua eldono estis pli luksa, sed tiu de l'dua ankaŭ estas tre bela, kaj feliĉe la presisto elektis litertipon pli larĝan, pli plaĉan, malpli lacigan por okuloj. Moku kiu volas pri tiuj detaloj ; ĉe belaj eldonaĵoj ili havas ian gravecon.

La enhavo restis preskaŭ tute la sama ; nur malofte teksto estis forigita aŭ aldonita. Nenion oni ŝanĝis en aranĝo, ordo, stilo, ĉar nenio estis ŝanĝinda : pli trafa laŭdo ne ekzistas. Vere, Kataluna Antologio estas modelo je taŭga prezento pri nacia lingvo kaj ĝia literaturo. La kunlaborintoj, kaj precipe la ĉefa tradukinto kaj kompilinto, S-ro Jaume Grau Casas, vidis tian grandan taskon faciligita per du faktoj : la unua, konfesata de ili, estas ke hazarde, troviĝas

stranga simileco inter kataluna kaj esperanta stilo, ĉefe poezia ; la dua, ke pro longa dormeto de kataluna literaturo, pro relativa malamplekso de lingva teritorio, la konigindaj aŭtoroj ne estas tro multnombraj ; tial, ĝenerala superigardo kaj sufiĉa pleneco de la antologio, estis pli facile atingeblaj ol se temus pri grava eŭropa lingvo.

Ni ne volas denove priparoli la diversajn ĉapitrojn klarigajn pri la lingvo kaj literaturo, la biografiojn kaj la elektitajn tekstojn, el kiuj multaj bone esperantigitaj poemoj, prozaj skizoj aŭ rakontoj, dum la romanojn kaj dramojn oni ĝenerale domaĝis erigi ; tio estis farita bone en niaj gazetoj ĉe la apero de l'unua eldono. Ni nur povas ripeti kiom bela, literature interesa estas la verko, epokfaranta en nia beletristika trezoro, kaj varme rekomendi al tiuj, kiuj ne posedas ĝin, akiri la libron, des pli, ke rilate al valoro kaj amplekso, ĝi estas ja tre malkara.

---

Sub direktado de A. Kenngott, ariĝas kolekto da instruaj libroj, el kiuj legolibroj estas speciale atentindaj, ĉar ili kunigas tekstojn diverslandajn kaj originale verkitajn. Tio estas la merito de Internacia Teatraĵaro, kiu konsistas el kvin komedietoj, kies aŭtoroj estas ĉekoslovaka, rumana, pola kaj angla. Ili plaĉos al lernantoj, kiuj ŝatas dividi inter si rolojn por lego, kaj taŭgas por ludo ĉe societaj aŭ salonaj prezentadoj, ĉar amuzaj, ofte spritaj, postulantaj malmultan aktoraron kaj simplan scenejon. Vice aperos : Onklo, kiu forjetas sian malamon al virinoj ĝis amindumi la nekonatan edzinon de sia nevo ; riĉa kaj malriĉa junuloj, kiuj ŝajne interŝanĝas sian staton por provi la sentojn de l'amatinoj ; disiĝon kaj strangan rekuniĝon de du geedzoj ; junulinoj, kiuj maskitaj ŝerce fariĝas rabistinoj ; fine burleskaĵo, kie geamantoj, helpe de poeto, fondas malrealan industrion por falsaj perloj, tiel mokante kaj ŝtelante la tro avaran bopatron. Oni ne postulu tro de tiaj senpretendaj amuzaj teatraĵetoj.

---

*Kial venkis Esperanto*, interesa verketo por studantoj pri historio de nia movado. Pruvoj pri tiu venko estas : « la preterigo de la interna krizo de la jaro 1908, ligita kun la reformema tendenco, konata sub la nomo, « Ido », kaj ankaŭ la klasa dissplitiĝo de la movado esperantista post la mondmilito.» Oni rimarkos la juĝojn, pri Volapük, pri Ido, pri Beaufront, kies agado estas preskaŭ aprobata. Ofte pli polemikaj ol senpartiaj estas asertoj de L. Jirkov, ekzemple kiam li pretendas, ke esperantistoj ignoras kaj kalumnias la aliajn helplingvajn projektojn, ke ili kultas al Zamenhof, ke ili ĉefe estas kolektantoj de poŝtmarkoj. Aliaj diroj pli plaĉas kaj ĉefe la konkludo : « Tamen ne estas malproksima la momento, kiam internacia helpa lingvo fariĝos nepre bezona, kiel ilo, sen kiu la mondo sur certa grado de evolucio ne povas ekzisti. En tiu momento oni ekvidos, ke tia lingvo, tia teknika ilo de komunikado jam estas preta, kaj ne nur ĝi estas preta, sed ĝi estas jam elprovita.»

En numero 9-10, 2a jaro, de *Biblioteko Nova Kulturo*, estas du prelegoj, prefere du predikoj, de P. Danov : La Timo, kaj : La kondiĉoj de Eterna vivo, loke tute laŭkristanaj admonoj, loke iom simplaj komparoj, kaj plie artikolo pri la Blanka Frataro, disĉiplaro de l'nova apostolo.

Alia prelego de Edward Grubb, kies titolo plene diras la enhavon : *La Socielo de Amikoj* (kvakeroj) *kaj ĝiaj esencaj trajtoj*, do detale konigas celon kaj agadon de tre simpatia, homama, oferema sektanaro.

Alia religia propagando, jam konata en Esperantujo, Oomoto, reklamas per : *Fundamento de Animo*, kie la profeto Onisabro Deguĉi sisteme prezentas la principojn kaj kredaron de la spirita movado, kiun li iniciatis.

En tute alia fako, la verko de J. Stalin : *Fundamentoj de Leninismo*, unue difinas tiun doktrinon : « Leninismo estas marksismo en epoko de kapitalismo kaj proleta revolucio. Pli precize, leninismo estas teorio kaj taktiko de proleta diktaturo ». La aŭtoro poste ekzamenas ĉiujn partojn de tiu teorio, en formo iom seka, kun ripetoj kaj longaĵoj, en aranĝo, kiu sentigas, ke la diversaj ĉapitroj estis prelegataj antaŭ aŭdantaro. Argumentado estas tro ofte aposterioriaj konstatoj, kun multnombraj citoj el Lenin'aj verkoj. Sed la lingvo estas korekta kaj la enhavo respondas la titolon.

Tre vigle skribita, kun ĵurnalista sperto, kun akra ironio, kun bildoj krudaj, komparoj malprudaj kaj impresiga forto, la libreto : *En la lando de Hindenburg*, rakontas viditaĵojn dum vojaĝo tra germana respubliko. La aŭtoro priskribas unue kolosan ĵurnaleldonejon, kies multfakaj gazetoj matricas la homan penson. La taga ĵurnalo ?

« Ĝia lingvo estas tre komprenebla, mallonga kaj primitiva ; en du minutoj oni povas ĉion ekscii, kion hodiaŭ la granda gazetaro pensas kaj skribas. Oni tute ne bezonas maĉi tiujn sciiĝojn, ili jam estas maĉitaj, provizitaj per la necesa kvanto da salivo, senreste digesteblaj.» La efiko de l'gazetoj ? « Legioj da homoj estis masakritaj sub la influo de la kokaino de ĉi tiu literaturo.» Poste ni vizitas fabrikon de aviadiloj, poste la uzinojn Krupp en Essen, kaj en la cetero, la malriĉajn kvartalojn en Berlino, kun ilia nedirebla mizero. La libreto ne estas objektiva, aŭ pure ekonomia ; ĝi estas pamfleto, sed ĝia vervo, spriteco, krudeco, impeto, pardonigas ekscesojn kaj skurĝbatojn al la burga sociordo.»

Traduko el literatura, klasbatala, primilita ukraina rakonto estas : *La ruĝa kapluko* de A. Holovko La mallonga teksto havas kvalitojn, sed la traduko, tre modernstila, tro serĉas efiki per strangaĵoj : nekutima vortordo, adverboj « ankore, anke », prepozicioj « ant, notr » kaj kunmetaĵoj « antparolo, kontrstaro », « un » anstataŭ « unu », k.t.p.

*Trapafita Dekreto*, donas tri rakontojn, ankaŭ tradukitaj el ukraina lingvo, ankaŭ primilitaj. En antaŭparolo, E. Izgur eble tro laŭdas la aŭtoron I. Traĉuk. La unua rakonto, kiu donis tian titolon al la libreto, estas malfacile komprenebla ; la dua : La bruoj piceaj, estas idilio en bela naturo, dum terura epoko ; la lasta : Spiono, plej plaĉas, ĉar kortuŝa estas la aventuro de tiu maljuna kamparano, erare arestita, kaj pafmortigita antaŭ ol li komprenas la akuzon. En la stilo, uzo de sufikso « oz » kaj sistema lokigo de adjektivo post la nomo : « Malfeliĉo, timo plenigis la valon submontan, atingante eĉ vilaĝojn najbarajn. Kaj sur la supraĵoj la bruoj majes-

taj piceaj flustradis kanton eternan pri libero nevenkebla.»

*Eklezio kaj Oktobra revolucio*, komencas per: « En la cara Rusio, la « malliberejo de popoloj », la ortodoksa eklezio estis ilo por spirita subpremado de laboruloj. Estante parto de la polic-burokrata ŝtataparato, la eklezio lerte priservis la celojn de l'ekspluatistoj.» Kaj finiĝas per tiu diro de Lenin: « Ĉiujn modernajn religiojn kaj ekleziojn, ĉiujn kaj ĉiajn religiajn organizaĵojn la marksismo rigardas ĉiam kiel organoj de burĝa reakcio, servantajn por defendo de la ekspluatado kaj stultigo de laborista klaso.»

*Kiel mi lernis*, de Maksim Gorkij, estas interesa infanrememoraĵo de l'fama verkisto, kiu, en terura medio, trovis en libroj la liberigon de sia spirito. La kvazaŭa miraklo, malfermanta al analfabetulo novan superan mondon per legoscio, estas vivsperte reliefigata.

---

La *Esperanta Legaĵaro*, de Jakob Rosenberg, lernolibro por Estonoj, konsistas el gramatikaj klarigoj, kolekto da konataj anekdotoj, rakontetoj, poezioj, societaj ludoj kaj kompleta vortaro Esperanto-Estona. Tiel armita, legante kaj tradukante, ja homo « kapablas ellerni la plej simplan, la plej logikan, la plej facilan lingvon en tiu ĉi komplika mondo.»

La taŭga: *Kurs i Esperanto*, unua parto, por Svedoj de F. Linden, estas presata en dua eldono 4-8 miloj. Pruvo ke tiu klara enkonduko trovis bonan, akcepton. Dua parto jam aperis por duagrada instruo, kaj la aŭtoro preparas trian.

Broŝuro komenciĝanta je lasta paĝo, kun mistera por ni literaro, kun teksto legota de dekstre maldekstren, tiel aperas al ni la propagandilo: *La Internacia Lingvo*, de A. Goldburt, el Vilna, presita en hebrea lingvo.

En Pollando, la *Kompleta Lernolibro* de Leo Turno, (Dr. Leopold Dreher) aperas en kvara plibonigita eldono kaj ĝin akompanas en samformata broŝuro: *Vortaro* Esperanta-Pola kaj Pola-Esperanta.

La *Vocabolario completo Esperanto-Italiano*, de A. Tellini, kompensas la malgrandetan formaton, duoblan je alumetskatolo, per paĝnombro, pli ol 500. Do ĉiuj vortoj, la oficialigitaj speciale signitaj, kaj multaj sciencaj, teknikaj kaj novaj, aperas en tiu vortaro vere veŝtpoŝa.

La kolekto de la tiel utilaj: *Ŝlosiloj*, kiun I.C.K. persiste prilaboras, riĉiĝis per tri novaj, kiuj ankaŭ interesos kaj plezurigos kolektantojn, propagandistojn kaj eĉ simplajn esperantistojn; ili estas la *Ukraina*, la *Estona*, kaj la *Japana*.

Pri urbo *Praha* estas sendata bela faldprospekto kun bildoj kaj detala teksto sub moderna kovrilpaĝo.

Fine, jen por gajemuloj ŝerca kanzono, *Telefonu* 2-45 kies paroloj estas amuzaj, kaj melodio por kanto kaj violono, simpla sed vigla, ritma, tre plaĉa.

15 Januaro 1932. G. S.

# Mensoga Belo

Bartholomé Leonardo de Argensola.

*Ho, Don Juan, jen, time mi konfesas:*
*Elvira neĝe brilas, roze floras,*
*Sed de proksime — ĉio ĉi valoras*
*Nur tiom, kiom ŝi por ĝi elspezas.*

*Konfesu tamen, se vi ĝuste pesas,*
*Ke ŝi mensogi belon tiel povas,*
*Ke pura ĉarmo kontraŭ ŝi ne trovas*
*Armilojn: ĝiaj argumentoj ĉesas.*

*Ne miru do, se — estu laŭ destino —*
*Pereon iros mi pro l' falsulino:*
*Ĉu mem ne trompas la Natura pompo?*

*Jen, rave kovras nin la blu' ĉiela,*
*Kaj — nek ĉiel, nek bluo! Ĉio bela,*
*Domaĝe, estas ja ne ver', nur trompo.*

### Averto

Don Louis de Góngora.

*Se dolĉaj lipoj per sopir' vin batas*
*Por sorbi fluidajn perlojn, ĉu envia*
*Vi estus eĉ je la pokalo dia,*
*Per kiu Zeŭson Ganimedo flatas?*

*Ne tuŝu ilin, se vi vivi ŝatas!*
*Ja celas en kalik' de buŝ' magia*
*Amoro vin per venensago sia,*
*Serpent' embuska en la flor' kaŝatas.*

*Ne trompu vin langvora roz-odor',*
*Petaloj, kiuj perle falas for*
*De l' arda silk' de ŝia brust' balzama!*

*Ne rozĝarden'! Tantalaj pomoj nur*
*Vin logas kaj forlasos vin per kur':*
*Vermuto iĝos la mielo ama.*

K. Kalocsay.

---

# La ĉaro de Kronos

De Karl Spitteler.

*La ĉaro Kronosa silente vojiras.*
*Al kiu direkto? Neniu ĝin diras.*
*Nebulo kovras la signojn de l'relo,*
*Neniu gvidanto kondukas al celo.*
*Ĝi rulas movata de forto supera,*
*La radojn sekvas nokto mistera.*
*La tempon senliman ne mezuras la sento,*
*Kio estas eterno? Kio estas momento?*
*Senhalte alternas kreado kaj morto,*
*Kaj de l'estint' forgesiĝas la sorto.*
*Minutoj haltiĝas, jaroj forkuras,*
*La mondhorloĝo ne montras la horon,*
*La vivon dume malĝojo mezuras:*
*Mallongan feliĉon, longŝajnan doloron.*
*« Unu jaro », al multaj rapide ĝi pasas,*
*Neniun gravan memoron ĝi lasas.*
*Sed kelkaj, alvenintaj sur la ponto*
*Liganta la estinton al estonto,*
*Oh, tiuj sentas en la koro*
*Ke ne forpasos la doloro,*
*Ke malfermiĝis en la fundo*
*Neniam sanigebla vundo.*

Trad. Ed. St.

# Lingvaj studoj

## Internaciaj vortoj.
## Ĉu ili havu plian spacon en Esperanto?
## De Liem Tjong Hie, Semarang.

Jen grava demando, kiu valoras ĉies atenton. Ĉies atenton precipe tiun de la eŭropanoj. Kial ? Tial ĉar ili estas fakte la fabrikantoj aŭ la produktantoj de la plej granda, se ne de la tuta parto de la novaj vortoj tiel nomite internaciaj.

Nun je la tempo de l' apero de la «grandaj vortaroj», de la «grandaj originalaj Esperanto-verkoj» de la «lingvosciencaj prelegoj» la «manufakturado» de «internaciaj» vortoj tiamaniere «grandskalas», ke efektive estas timata «superproduktado». Estas vere tempo de «malejso». (La legantoj pardonu - ekskuzu - al mi la vortojn «manufakturado», «grandskalas», «malejso»).

La naskintoj de Esperanto estas la eŭropaj lingvoj, la geavoj estas la germana kaj la latina, kiu lasta estas kvazaŭ la avino pro la iom pli granda parto de la radikoj, kiun ĝi donis al Esperanto.

De ĉiam oni emas por akcepti ĉiun radikon devenantan el latina formo kiel internacian. Tiel D-ro Zamenhof prenis la vorton «Dio» el la latina *Deus*. Same aliaj projektoj de mondlingvo uzas tiun latindevenan formon (Occidental, Ido : *Deo*) Dume pli internacie disvastigita estas la greka formo : *Theos*. Ni ĝin retrovas en vortoj kiel : teokratio, teologio, teosofio, teodicio, teognosio, teogonio, teomancio, teomanio.

Ni ĝin retrovas plue en la vorto «teismo» (kun la signifo laŭ Kabe : religia doktrino, bazita sur la kredo je unu persona Dio). Aliflanke ni havas nur la vorton «diismo» kiel latindevenaĵo kun alia signifo, nome laŭ Kabe : religia sistemo, bazita sur la natura kredo je unu Dio kaj malakceptante ĉiun proklamitan kredon. Ĝi estas kvazaŭ distingilo por tiu ĉi aparta religia sistemo. Tiu ĉi vorto «diismo» estas memstara radikvorto, kaj ne derivaĵo, kiel multaj povus supozi, ĉar *-ismo* nepre ne estas sufikso. Derivaĵo estas : dieco.

Diservo, Dipatrino estas kunmetaĵoj. Tiuj ĉi ne estas memstaraj radikvortoj sed formoj formitaj kun la latindevena vorto «Dio». Eble ni povus diri, ke la formo «teo» estas malkonvena pro la jama ekzisto de la vorto *teo*. Tamen ĉu la latina formo *Dio* estas pli internacia ?

Tiamaniere ni havas latindevenajn vortojn kiel ekz.: *tero* (terra), *lumo* (lumen) ktp., por kiuj ekzistas pli internacie aplikataj formoj, precipe grekaj. La vortoj *geodezio, geognozio, geografio, geologio, geometrio* kaj *fotografio* estas ja al ĉiu bone konataj. Ekzistas ankaŭ latindevena vorto *teritorio* (se ĝi almenaŭ havas ankoraŭ rilaton kun la radiko «*ter*'»), sed laŭ mia opinio la grekaj formoj estas pli konataj. Plue «tero» povus esti deveninta de latina «terror» *teruro*.

La vorton *foto* ni havas kun la signifo de «lumbildo».

Oni ne malbone komprenu min. Nepre ne estas mia intenco fari ian kritikon al la genia elpensaĵo de nia kara majstro aŭ eĉ nur iom ĝin mallaŭdeti. Mi deziras nur urĝe peti la «progresemajn» samideanojn, ke ili estu vere tre singardaj en la eltrovado de novaj «internaciaj» vortoj, kaj en tiu ĉi afero mi certe povas min apogi je la plena konsento kaj subteno de miaj samorientaj gesamideanoj. Oni devas ne forgesi ke internacia lingvo estas *mond*lingvo, ĝi estas interkomunikilo de unu kontinento al la alia, de unu oceano al la alia. Tutmonda lingvo nepre ne estas eŭropa lingvo.

Sed la progresemuloj kaj la teoriistoj tion tro ofte forgesas. Ĉu ne estus pli internacie kaj pli bele uzi «arivi» por *alveni*. Jen, ili argumentas, la francoj diras «arriver», la hispanoj «arribar», tion ankaŭ faras iliaj najbaroj la portugaloj, kaj ne forgesu la anglojn, kies lingvo estas ĉie parolata kaj kiuj diras «arrive». Kion pli bonan do vi dezirus ol «*arivi*»; alveni. Alveni — kiu ĝin komprenos ? — tiom malmoderna ! — arĥaismo.

Kaj tiamaniere oni daŭrigas la elpensadon de novaj vortoj tiel nomite internaciaj, de ĉiuj kompreneblaj. Jam ni havas «*futbalo*» por piedpilko; foriru do ci, malnova abomena vorto malfacilkomprenebla, kaj cedu cian lokon al la nova pli gracia vorto internacia. Kaj dume en la granda Ĥinujo oni parolas pri «bi-ĉio» kaj la malajlingvanoj diras «*raga*» kaj ili ĉiuj tute ne scias pri ia «futbalo», ne okupas sin pri tiu vortformo. Ili lernas, ke la pilko, per kio oni ludas kun la piedoj, estas tute logike piedpilko kaj la ludo estas tre simple piedpilk-ludo. Sed nun ili ekscias, ke piedo fariĝas «futo» kaj ke pilko estas «balo», ne tiu balo dum kiu oni dancas, kiel okazas kutime en la internaciaj Esperanto-kongresoj, sed alia, alia «balo». Kaj tiel ni nun havas «ŝoforo» anstataŭ veturigisto aŭ kondukisto. Post nelonge ni certe ricevos «koŝoro» aŭ «kuŝiro» (kiel vi volas estante «internacia» vorto ; france *cocher*, germane *Kutscher*, nederlande *koetsier*.

La enkonduko de la nova radiko «*ekskuz*'» por la peza *senkulpig*' estas tre salutinda ! Kiel niaj altkleraj lingvoscienculoj inter la Esperantistoj kaj la aliaj Zamenhofanoj povis laŭdi tian absolute senlogikan formon estas por ni, simplaj sobruloj, vere nekompreneble. Por doni al la vorto «ekskuzo» la signifon de *senkulpigo* estas simple idiotaĵo. La vortformo «senkulpigo» laŭ vidpunkto de klareco, logikeco & simpleco estas nesuperebla. Se pro la «pezeco» oni preferas alian, tiam ni jam havas la tre elegantan kaj belsonan internacian radikon «*pardon*'», preskaŭ tute samsencan. Ĉu ni nun denove altrudu trian egalsignifan vortradikon ? Balasto !

Ĉu ne estas balasto se ni deziras enkonduki novan radikon «*animal*» por la senco de *besto* ? Oni estas ĉu grandega azeno, ĉu tute freneza por ne povi kompreni tion ! Je tiu maniero ja ni povas senĉese iri pluen. De la unua flanko ni havas : *lakto, ondo, viando, redakti, koboldo, gazeto, biciklo*, kaj de la alia flanko : *melko, golfo, fleŝo, editi, gnomo, magazino, velocipedo.*

Jam ni nun konsideras enkondukon de *starti, trajno, drato, fajna, linksa, kurta.* Pli poste certe venos «*dikcionaro*» por *vortaro*, «*foresto*» por *arbaro* ktp.

Nun ni jam oficiale havas «*biblioteko*» por *libraro*; «*katalogo*» por *titolaro* aŭ *prezaro*, «*alfabeto*» *por literaro*; do la pli antaŭe cititaj «internaciaj» vortoj devus siatempe veni kaj eble... venki.

Ho vi, Esperanto, kiun ni Esperantistoj kaj precipe la propagandistoj nomas facile ellernebla, tiel facile ke la grafo Tolstoj vin lernis dum daŭro de nur du horoj. Vi, kien vi iros? aŭ prefere kien oni kondukos Vin? Progresemuloj, teoriistoj, reformemuloj: Quo vadis, Domine? Ĉu senfina via vojo estas ? Atentu la abismon !

Estas tre prava diro de Profesoro Collinson en lia prelego ĉe la Somera Universitato en Oksfordo, «ke la celo de internacia lingvo estas ĝuste, servi kiel komunikilo inter nombro da *diverslingvaj* nacioj. La problemo ne estas pure kvanta, statistika problemo, sed afero de kvalita esploro.» Ni esploru tiun ĉi punkton kaj ekzamenu unue la kvanton

de la parolantoj de la eŭropaj lingvoj, tiel arde kaj nacieme defendataj de la sameŭropaj lingvistoj. Eĉ tiam kun la plej bona volo en la mondo ni ne povas vidi universalan disvastiĝon. Nur la ekscio pri la fakto, ke la ĥina lingvo estas uzata de pli ol 430 milionojda homoj, dissemitaj sur la kvin kontinentoj en la mondo, t. e. pli ol la triono de la tuta mondloĝantaro, plene senvalorigas ĉiujn modernajn kaj antikvajn lingvojn eŭropajn. Kiel sensignifa staras la angla, la nuna mondlingvo, kun ĝiaj 150 milionoj da parolantoj, ankoraŭ ne la duono. Kaj kion diri pri la

| | |
|---|---|
| Rusa kun nur | 100.000.000 |
| Franca | 85.000.000 |
| Germana | 77.000.000 |
| Hispana | 65.000.000 |

Kie estas la uloj de la magia DEFGHILR — formulo (t. e. Deutsch, Englisch, Français, Grec, Hispana, Italiano, Latin, Russki)? Oni ankoraŭfoje bone memoru, ke Esperanto ne estas eŭropa lingvo, sed *mond*lingvo. Bone memoru, gesinjoroj en Eŭropo: Esperanto ne estas eŭropa lingvo, ne estas lingvo nur por eŭropanoj, sed lingvo por la tuta mondo, do ankaŭ por ni, orientanoj. Ni en la Oriento estas same indiĝenoj en la lando Esperantujo kiel vi. La DEFGHILR-lingvoj kontraŭe estas eŭropaj lingvoj, ne tutmondaj. Je la frukto oni konas la arbon. Jen Occidental, Romanal Weltdeutsch. Ili ne estas por la bezono de la orientanoj. Neniu orientano ĝin ankaŭ lernos kaj se oni deziru, ke Esperanto nur estu lingvo por la eŭropanoj, nu, tiam ĝi vere estus eŭropa kaj nur eŭropa lingvo, nenio pli. Ĉu oni ne plu memoras la unuan panazian kongreson okazintan en Tokio en 1925 kaj ĝian deziresprimon rilate nian lingvon? Nur la fakto ke la aŭtoro Dr. Zamenhof estas de hebrea deveno, donas iom mildan impreson al la orientanoj. Ja la hebreoj apartenas al la orientaj gentoj. Kaj estas pro tio ke ni en Oriento havas respekton kun la genia kreinto, kaj estas pro tio ke en Oriento troviĝas nun multaj adeptoj, fidelaj adeptoj de la hebrea majstro.

Laŭ la kvalito la ĥina lingvo ne staras malalte kun la eŭropaj lingvoj. Ĝi ja estas la unu nura antikva lingvo kiu ĝis nun ankoraŭ estas uzata kaj parolata, kaj ne mortis kiel la aliaj, sanskrita, latina, greka. Tiu ĉi fakto, kiun oni ne forgesu, tre klare pruvas la altan kulturan valoron de la lingvo. Je kiu ajn vidpunkto ĥindevenaj vortradikoj plene rajtas esti enkondukitaj en projektoj de mondlingvo. Sed ni ne estas tre postulemaj aŭ ŝovinistaj, ni bone scias kie kuŝas la « delikata punkto » rilate tiun ĉi aferon. Ni tre bone komprenas kaj sentas la kialon pro kio la eŭropaj lingvistoj ne estas emaj akcepti aziajn aŭ entute neeŭropajn vortradikojn. Tamen de la flanko de la eŭropanoj ni ankaŭ atendas, ke ili ne tiel fervore fabriku novajn tiel nomite internaciajn vortojn.

« Ni sentas mankon de vorto por esprimi la sencon de « demimondana » « semidoktoro », « dito »... »

Jes, vi sentas tion, eble ni ankaŭ, eble ankaŭ ne. Tamen, ĉu ni ne povus esprimi tiujn per materialo el propra provizejo. Nia kapo, se tio ne povus. Niaj magazenoj estas tro grandaj por ne povi provizi eĉ la plej bongustemajn personojn per plej nuancoriĉaj esprimoj novaj. Ĉu Esperanto ne estas tiu mirinda gracia lingvo plej taŭga por esprimi delikatajn homajn sentojn? Aŭdu niajn talentoplenajn poetojn aŭ niajn majstrajn prozaistojn.

Jen; *ŝipestro* por *kapitano, maŝinpafilo* por mitralilo, *flugmaŝino* por aeroplano, *eble* por probable. Ĉu estas io pli logika, pli komprenebla?

Oni nun ne kondutu kvazaŭ ĵus naskita infano per sensenca diraĵo, ke tiaj formoj estas longaj, malmodernaj. Tre bone, tre bone, la vortoj estu malmodernaj, tiel malmodernaj kiel la antikvaj vestmodoj, sed ili estas tre bonaj kaj kio estas ĉefa punkto... tre bone kompreneblaj, precipe por la orientanoj. Kaj Esperanto ne estas... modaĵo, kiu ŝanĝiĝas laŭ la kaprico!

Alia naiva argumento estas, ke neniu povas malhelpi la evoluadon de la lingvo. Jen vere bela argumento. Certe, neniu rajtas malhelpi la evoluadon de nia lingvo. Sed kian evoluon? Ne tian evoluon, en kiu ni senkondiĉe englutas ĉiun novan vorton kiun kreas kaprica verkisto. Ne sinjoroj, ne tian evoluon! Evoluo kaj evoluo estas du!

Vere internaciaj vortoj fakte malmulte ekzistas. La tiel nomite internaciaj vortoj kiel aplaŭdi, balado, cilindro, diplomo ktp. ĝustdirite ne estas inter*naciaj* vortoj, sed inter*eŭropaj*. *Universalaj* vortoj povas esti pleje nur la nomoj de inventaĵoj de la nuna epoko: *radio, filmo, kino.* Ankaŭ vortoj kiuj devenas de nomoj de sciencistoj aŭ eltrovintoj povas esti universalaj. Ni nomu: *belinogramo* (Edouard Bélin), *markonio* (Marconi 1897), *makadamo* (Mac Adam 1757-1836), *volto* (Volta 1745-1827)— dalio (A. Dahl, sveda botanikisto kiu kunprenis la floron el Meksikujo al Hispanujo) ktp. ktp. Tiajn vortojn ni certe libere povas preni en nian lingvon. La scienculoj, al kiuj la vortoj dankas ĝian ekziston, certe plene meritas la honoron. Neniu estus tiel sendankaj kaj senhonestaj por malkonfesi la ekzistorajton de tiaj radikformoj.

Skribante tiun ĉi artikolon la aŭtoro uzis la rajton, kiun li kiel konvinkita disĉiplo de la majstro D-ro Zamenhof plene posedas, por pledi tiun saman rajton de liaj samideaj fratoj apartenantaj al granda vastaj gentoj troviĝantaj oriente de Eŭropo. Kaj ni nepre deziras, ke al ni estante en sufiĉe granda nombro (kaj ni pensas pri niaj japanaj samideanoj) estu konsentata tiu rajto por postuli tion kion ni, orientanoj, deziras rilate tiun ĉi lingvan aferon. Ni ne plu troviĝas en la tempo de 50 jaroj antaŭe, kiam voĉo de orientano perdiĝis kiel flustraĵo en brua kriado de eŭropanoj!

Estas konate al ni ke inter sobruloj troviĝas frenezuloj. Se estas blanko, ankaŭ ekzistas nigro. Sed al tiuj frenezuloj ni ne parolas, la frenezuloj restu frenezaj!

Je la fino ni deziras atentigi pri la saĝaj paroloj de Dro. E. Privat en « Esperanto » de Januaro 1927:

« Niaj orientaj amikoj rajtas influi Esperantismon per siaj ideoj kaj konsiloj. Ili rajtas partopreni pli aktive en la regula evoluo de nia lingvo kaj en *ĝia kontrolo*. Tie ĉi ni jam de longe pledas por iliaj rajtoj kaj ĉion faris por akceli ilian reprezenton en niaj komunaj organizoj.»

---

## Amerikana cirkulero

Mortis la 11an de nuna monato, en sia magazeno, N-ro 20 Greenwich-strato, S-ro Edward Jones, tre respektita de ĉiuj kiuj konis lin, kaj faris komercaferojn kun li. Kiel homo li estis aminda, kiel estro, honesta kaj modera. Liaj virtoj superis ĉion kaj liaj kastorĉapeloj kostis nur tri dolarojn. Li lasis vidvinon por plori sian perdon kaj grandan provizon, vendotan malkare por la profito de sia familio. Li estis tirita al la alia mondo en la bela periodo de vivo, ĵus kiam li estis farinta grandan aĉeton de felto, kiun li aĉetis tiel malkare, ke lia vidvino povas liveri feltoĉapelojn pli malkare ol iu alia magazeno de la urbo. Lia nekonsolebla familio daŭrigos la komercon kun akurateco. (El « Belga Esperantisto »).

# Notoj

*La karbo en Manĝurio.* — Gravaj entreprenoj en la suda parto de Manĝurio estas la karbominejoj en Fuŝun, ekspluatataj de japanoj. Tiu ĉi karboregiono estas ĉ. 50 km oriente de Mukden kaj 400 km norde de l'haveno Dairen (Dalny). Kolosa karbokampo etendiĝas ĉ. 16 km de oriento al okcidento, 4 km de nordo al sudo. La diametro de l'karbokuŝo estas inter 24-95 kaj estas meze de 40 m. La karbo estas prenata, post forigo de super ĝi kuŝanta tero, do ne en ŝaktoj kaj subteraj galerioj. Laŭ indikoj de l'japanaj inĝenieroj oni forportis tertavolon trifoje pli ampleksan, ol tiun ĉe la konstruo de l'Panamo-Kanalo. La kvalito de l'karbo estas ĝenerale super la mezo. Ĝi taŭgas tre bone por hejti. Oni taksas la provizon je 1300 milionoj da tunoj.

Laŭ historie la koreanoj ekspluatis karbon en Fuŝun antaŭ 700 jaroj, kvankam laŭ primitiva maniero. Sub la Manĉu-regado oni malpermesis la ekspluatadon por ne maltrankviligi la fantomojn de l'mortintaj antaŭûloj, entombigitaj proksime. Kiam Ruslando konstruis la Orientĉinan fervojon kaj la branĉon al Port-Arthur, ĝi kuraĝigis la minadon laŭ moderna maniero, tamen ne tre amplekse.

Post cedo de l'sudmanĉuria fervojo al Japanujo, plivastiĝis la ekspluatado. Laŭdire la japanoj fosis meze 5 milionojn da tunoj jare ; ili kalkulas por daŭro de 40-50 jaroj 350 milionoj da tunoj. La karbokampo plivaloriĝas ankoraŭ pro la granda kvanto de oleohavantaj ardezoj, senpere troviĝantaj super la karbokuŝo. La kvanton de ardezoj oni taksas ĝis 5 miliardoj da tunoj. Japana inĝeniero trovis procedon laŭ kio ebliĝas distili jare 700.000 tunojn de ardezo. La laborejoj por oleo-distilado en Fuŝun estas la plej gigantaj tiaspecaj Per tiu ĉi procedo la japanoj esperas ricevi meze 50.000 tunojn da peza oleo kaj proksimume milionon da galonoj de facilbolanta oleo, krom tio ankaŭ parafinon kaj amoniakon. La oleon uzas la japana militŝiparo. Fakuloj asertas, ke laŭ tiu ĉi procedo la prezo por la oleo estus pli alta ol tiu pagata en la internacia merkato. La japanoj deziras sendependiĝi en la konsumado de l'oleo. Laboras nun en la Fuŝunlaborejoj, kiuj apartenas al la sudmanĉuria fervojo 50.000 ĉinaj laboristoj sub 4.000 japanaj inspektoroj. La kapitalo metita en la karbominejoj atingas 90 milionojn da usonaj dolaroj, kaj 10 milionojn en la oleoproduktejoj.

*Astronomia verko monumenta.* — Profesoro D-ro L. Lundmark, astronomo ĉe la universitato en Lund, Svedujo, aranĝis ĝeneralan katalogon de la Stelgrupoj kaj stelnebuloj. Ricevonte ŝtatan subtenon, aperos tiu ĉi kolosa laboro. Ĝia kosto estas taksata ĝis 30000 Kr. En la jaro 1908 kunigis la angla astronomo Dreyer registron de 13000 steloj. La katalogo de Prof. Lundmark tamen indikas ne malpli ol 40000 stelgrupojn. La sveda scienculo laboris dum multaj jaroj ĉe tiu ĉi giganta verko vizitinte la observatoriojn en Eŭropo kaj Ameriko. La verko enhavas historian rigardon pri la scio de stelaro, de l'antikva tempo ĝis nun. Kompletigas tion plie statistiko de la steloj kaj komparo de la iam uzitaj kaj nunaj metodoj por la esploro.

*Orientalaj gazetnomoj.* — La Oriento ĉiam preferis nomojn poesiplenajn aŭ eĉ bombastajn. Ankaŭ la orientala gazetaro ne malatentis tiun-ĉi preferon per kio ĝi anstataŭas la ofte mankantan kvaliton. En okcidentaj landoj ja ekzistis iam ankaŭ pli bonsonaj titoloj por gazetoj, nun anstataŭitaj per preskaŭ neniondirantaj nomoj. Sed en islamaj landoj oni povas trovi mirindajn perlojn de gazetnomoj.

Araboj en Tunizio povas legi ĉiutage la gazetojn « Floro » aŭ la « Veran popolgvidanton ». En Egipto aperas la « Stelo de l'Oriento », « La Standardo de l'Profeto », « La Fonto de l'Lumo ». En Sirio ekzistas : « La Fideleco de l'Filoj de l'Profeto », « La Cedro », « La Problemo de l'Tago », « La Fera Bastonego », « La Fulmo ». Sed la plej belajn nomojn oni trovas en Persujo. Tie ekzistas « Brile Lumanta Plenlun », « La Ŝipo de l'Savo », La Fundamento de l'Espero », « Ruĝa Vesperkrepusko », « Spegulo de l'Nacio ».



*Lernejoj en Palestino.* — Laŭ lasta registara informo ekzistas en Palestino lernejoj laŭ jenaj tipoj :

| Tipoj : | Nombro de lernejoj : | Nombro de instruistoj : | Nombro de lernantoj : |
|---|---|---|---|
| Registara | 314 | 687 | 19.737 |
| Hebreaj | 255 | 1.145 | 20.481 |
| Kristanaj | 183 | 866 | 16.145 |
| Mahometanaj | 45 | 140 | 3.445 |

El la kristanaj lernejoj 22 estas grek-ortodoksaj, 113 romkatolikaj kaj 46 protestantaj.

*Religioj kaj sektoj en Germanujo.* — Oni nombras en Germanujo 750 diversajn konfesiojn, el kiuj 416 estas protestantaj kaj 180 nekristanaj. La katolikoj formas preskaŭ unu trionon de la loĝantaro. Inter mil germanoj estas 641 protestantoj (evangelianoj), 324 katolikoj kaj 25 estas anoj de aliaj konfesioj, la resto ĉirkaŭ 10 ne apartenas al religia komuneco. En la Regna Parlamento el 577 deputitoj estas 217 protestantoj-evangelianoj, 140 katolikoj kaj 160 sen konfesio, 57 nenion indikis pri religio. La plej granda katolika urbo estas Műnchen, ĉar de 700 mil da loĝantoj 554 mil estas katolikoj ; sekvas Kőln kun 538 mil katolikoj inter 720 mil loĝantoj. Berlino kontraŭe havas nur iom pli ol 400 mil katolikojn inter 4,2 milionoj da loĝantoj. (Laŭ Katolika Vivo).

*Milionciferoj en la libro-mondo.* — La Nacia Biblioteko en Parizo kalkulas 3,5 milionojn da volumoj, 500 mil periodaĵojn kaj 145 mil manuskriptojn. La plej ampleksa biblioteko germana, la Prusa Ŝtata Biblioteko en Berlino kalkulas 2 milionojn da volumoj. Eŭropo estas kun 120 milionoj la plej libro-riĉa kontinento. El tiu-ĉi sumo kvarono troviĝas en Germanujo. La aŭstriaj kaj germanaj bibliotekoj kalkulas 44 milionojn da libroj, kiuj en unu linio metitaj, mezurus 1263 km, distanco de Berlino ĝis Napolo. Metita unu super alia ili estus 150 foje pli alta ol la Mount-Everest. Se oni dividus la Bibliotekojn en Műnchen inter la loĝantaro, ĉiu loĝanto ricevus 5 librojn.

*Hipernik.* — Tridekfoje pli magnetika ol ordinara fero aŭ ŝtalo, estis trovita nova alojo, aĉetita de usona entrepreno industria. La fero ja bone kapablas penetrebligi la elektran fluon en magnetika energikampo. Tiu ĉi kapablo estas nekompare pli granda ĉe la nova alojaĵo. Tiu ĉi alta penetrebleco (*high per*meability) kaj la fakto de la plej grava ero de l'nova alojaĵo estas *nik*elo, donis la nomon hiperniko. La industria produktado jam progresis tiom, ke el 5 tuna bloko oni rulpremas lamenojn tre maldikajn.

## Esperanto, internacia lingvo de Radio

Dum la 2a Nacia Kongreso de la Radio-Kluboj, kiu okazis en Cannes (Francujo) la 12an kaj la 13an de decembro 1931, S-ro Henri Favrel, inĝeniero, ĝenerala sekretario de la Radio-Club Espérantiste de France, prezidanto de la Radio-Komisiono de la 24a U.E.K., sekretario de I.R.S., prezentis raporton pri « Esperanto, internacia lingvo de Radio », kaj poste dezirojn, kiuj estis akceptitaj de la Kongreso :

1e) Ke, por plenumi la dezirojn esprimitajn de la diversaj Radio-Kongresoj, Esperanto devas tuj esti uzata de Radio, kiel ĝia helpa interkomunikiĝa lingvo.

2e) Ke la Radio-Stacioj urĝe elektu identigilon per ondolongeco kaj nacieco en Esperanto.

3e) Ke la sciigoj por mara kaj aera savado estu donitaj en Esperanto, tuj kiam la scio de tiu lingvo ebligos tion, kaj ke oni klopodu tiucele ĉe la organizoj, kiuj okupiĝas pri tiuj aferoj.

4e) Ke la studado de la internacia organizado de la Radio estu bazita sur la uzado de Esperanto, por faciligi la rilatojn kaj la necesajn diskutadojn.

5e) La Madrida Konferenco devos doni en Esperanto la ondolongon de ĉiu stacio, tiamaniere ke la deziro adoptita estu plenumita. Tamen, se la Konferenco postulus, ke la stacioj estu identigitaj per kilocikloj, la nombroj estu donitaj en Esperanto.

La Radio-Stacioj estas de nun petataj plenumi la du unuajn dezirojn de la Kongreso, kaj por tio, interralatiĝi kun la lokaj esperantistaj grupoj, aŭ kun Henri Favrel, 27, rue Pierre Guérin, Paris 16e.

# Universala Esperanto-Asocio

## Raporto pri 1931 : Dua parto : La Servoj de UEA.

La ideo de UEA estas grupigi la personojn kiuj lernis la lingvon, en internacian organizaĵon kaj per ilia libervola kunhelpo kaj mono, krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio.

Post lernado de la lingvo stariĝas al lerninto la demando « Kion fari kun Esperanto ? » La unua paŝo por utiligi la lernitaĵon estas aliĝi al loka grupo, partopreni kunvenojn kaj dum konversacio praktiki la lingvon.

Krom tio novulo korespondas kun eksterlandaj samideanoj abonas gazeton kaj aĉetas librojn. Tamen tio ne konkretigas tute la celon de *internacia* lingvo. Necesas do krei ion, kio valorigas la lernitaĵon, kio permesas ke per Esperanto oni ne nur kompreniĝu kun alilanda samideano, sed en okazo de bezono ricevu *servojn*. Esperanto ne havas patrolandon, ĝi ne havas la potencon politikan aŭ ekonomian de l'grandaj kulturlingvoj naciaj. Esperanto devas mem krei la bezonon kaj tion plenumas UEA. Netaksebla estas la morala aktivaĵo de l'tuta movado en la institucio de loka *Delegito de UEA*. La *Servo de Informpetoj*, laŭ karaktero la plej grava el ĉiuj servoj de UEA estas ne pensebla sen Esperanto. Per *nacia lingvo* ĝi estus farebla nur per multe da mono kaj neniam kun sama grado de efiko. Pri tiu-ĉi servo ni parolas pli detale sub rubriko « Delegitoj ».

La servoj de UEA dividiĝas en du specoj : Servoj per la Delegitoj, kaj Servoj plenumataj de l'Centra Oficejo. Pri tiuj ni raportu tie-ĉi.

### *Bibliografia Servo.*

La regula ricevo de ĉiuj esp. libroj, ilia listigo, klasigo en la Biblioteko de UEA iom post iom kondukis al tiu-ĉi servo. Ĝi celas kompletigi la verkon « Bibliografio de Internacia Lingvo » kaj daŭrigi ĝin. Eble post kelkaj jaroj ni povas aperigi aldonon.

Laŭ la registro de l'B. S. aperis dum la jaro 1930 : 119 libroj kaj broŝuroj, sen presaĵoj malpli ol 16 paĝojn. Ĉar postlamas ĉiam iuj presaĵoj, oni povas prepari resumon de ĉiuj notoj nur kelkan tempon post jarfino. Pro tio la jena raporto de 1931 enhavas nur informojn pri la aperintaj libroj en jaro 1930. Ankoraŭ en mezo de 1931 ni ricevis librojn, aperintaj dum 1930. Aperis do 119 libroj kun aĉetvaloro de Frk. sv. 215, unu ekzemplero el ĉiu. La kurzo kalkulita laŭ *tiama* stato. Sekve la meza valoro de unu esp. verko estas : 1,75-1,80 Frk. sv. Laŭ kategorio la 119 libroj dividiĝas :

| | |
|---|---|
| Instruado de E : Lernolibroj, vortaroj, k.t.p. ...... | 40 |
| Literaturo kaj Arto (sen legolibroj) ............ | 33 |
| Scienco, Tekniko, Religio ..................... | 28 |
| Organizo de E. : Jarlibroj, adresaroj, dokumentaroj | 9 |
| Diversaĵoj ................................... | 9 |
| | 119 |

La devenon t.e. laŭ pres-loko kaj lando de l'esp. libraro montras jena tabelo :

| LANDO: | Laŭfaka divido: Instruado | Literaturo | Scienco Tekniko | Organizo | Divers | Sumo po Lando |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio ....... | 1 | — | 1 | — | — | 2 |
| Belgujo ........ | — | 1 | 2 | — | — | 3 |
| Britujo ....... | 3 | 3 | 2 | 1 | — | 9 |
| Bulgarujo ...... | 1 | 2 | — | — | 3 | 6 |
| Ĉeĥoslov. ..... | — | 1 | — | — | — | 1 |
| Ĉinujo ........ | 2 | 1 | 1 | — | — | 4 |
| Estonio ....... | — | — | — | — | 2 | 2 |
| Finnlando ..... | — | — | 1 | — | — | 1 |
| Francujo ...... | 4 | 6 | 2 | 2 | — | 14 |
| Germanujo .... | 5 | 7 | 4 | 1 | 1 | 18 |
| Hispanujo ..... | 1 | — | — | — | — | 1 |
| Hungarujo .... | 2 | 1 | — | — | 1 | 4 |
| Islando ....... | — | — | 1 | — | — | 1 |
| Italujo ........ | — | — | 1 | — | — | 1 |
| Japanujo ...... | 4 | 4 | 1 | — | — | 9 |
| Nederlando .... | 2 | 2 | — | 1 | — | 5 |
| Persujo ........ | 2 | — | — | — | — | 2 |
| Polujo ........ | 2 | — | — | — | — | 2 |
| Sovetio ....... | 10 | 1 | 9 | — | — | 20 |
| Svedlando ..... | — | 2 | 2 | — | — | 4 |
| Svislando ..... | — | — | — | 3 | 1 | 4 |
| Usono ........ | 1 | 2 | 1 | 1 | 1 | 6 |
| | 40 | 33 | 28 | 9 | 9 | 119 |

Laŭ amplekso la aperintaj verkoj dividiĝas :

| | Sumo: | °/o |
|---|---|---|
| De 17- 80 paĝoj ................... | 74 | 62 |
| De 81-160 » ................... | 28 | 24 |
| De 161-240 » ................... | 8 | 6,5 |
| De 240-480 » ................... | 9 | 7,5 |
| Sumo ................ | 119 | 100 % |

La nombro de l'paĝoj kune estas 10.950. La meza paĝonombro po unu libro estus do 80. Plej rimarkindaj el la naŭ plej ampleksaj verkoj estis :

| | |
|---|---|
| Ibsen : Imperiestro kaj Galileano ........... | 271 paĝ. |
| Dormans : Handbuch des Esperanto.......... | 320 » |
| Krestanov : Bulgara Vortaro........... | 304 » |
| """" Plena Vortaro (SAT eldono) ............ | 518 » |
| Jack London : La fera kalkanumo ........... | 360 » |
| Andrée : Per balono al la poluso........... | 412 » |

Inter la aperintaj lernolibroj ni citu : Armenan, ĉinan, japanan kaj persan. Krom persa lernolibro aperis ŝlosilo de Esperanto por persoj, tre bone presita, laŭ normo de l'ICK.

Pli malfrue ni aperigos pli detalan liston laŭ fakoj. La nuna koncizeco rekomendiĝas pro facila supervidebleco.

Interese estus trovi, kiom da mono proksimume estas metita en ĉi-tiuj eldonaĵoj. Eble jena supoza kalkulo, bazita sur sperto, donas ideon :

Se ĉiuj verkoj kune kostis 215.— Frk. la produkto-kosto kun aŭtor-rajtoj povas esti taksataj je 40%, do 86.— Frk. La meza eldon-nombro de esp. libro ne transpasas 2.000 ekz. Multobligante ni atingus 172.000 Frk. sv. Respektinda sumo!

### *Turisma Servo.*

La nefavora tempo ne povis grave influi la aperon de turismaj presaĵoj. Pere de « *Esperanto* », de « Oficiala Bulteno » kaj rekte en ordinaraj sendaĵoj de l'Centra Oficejo, *ni dissendis 4 turismajn eldonaĵojn.* Inter tiuj turismaj presaĵoj distingiĝas la gvidlibro verda « Milano kaj lagoj de Lombardio », eldonita sub aŭspicio de l'potenca Itala Touring-Klubo. Aperis en 1931 gvidfolioj kaj libroj pri Aŭstrio, Varna, Belohrad, Plzen, Padova, Krakow, Liechtenstein, Latvio, Zakopane, Tatry, Bialystok, Ljubljana, Laplando, Visby, Karlsbad, Sankt Gallen, entute 16.

### *Esperantista Libertempado.*

Pasigi libertempon, ekzerci la lingvon, ligi amikecon kun alilandaj samideanoj, jen la ideo de Esperantista Libertempado. Ke samtempe oni povus taŭge propagandi por nia afero, kompreniĝas tuj. Dank'al iniciato de l'ĉefdelegito ĉeĥoslovaka, Sinjoro Sklenĉka, helpita de l'loka Delegito, S-ro Blumauer, organiziĝis la Libertempa restado en Banloko Belohrad, bohema urbeto en riĉe kulturita, paca ne-romantika regiono. La partopreno estis kontentiga kaj ĉio promesis ankoraŭ pli bonan daŭrigon, kiam la akriĝo de l'krizo kaj la germana vojaĝtakso malfaciligis la partoprenon al multaj personoj jam anoncintaj alvenon. Ĝenerale la impreso estis bona kaj kun reveno de normalaj kondiĉoj, ni reprenos tiun allogan servon.



*Grupo de libertempantoj dum ekskurso.*

### *Ekspozicia Servo.*

Efika propagando estas ĉiam ekspozicio. Ĝi estas tamen sufiĉe kosta afero kolekti materialon. Pro tio ni intencis helpi al grupoj, kunigante materialon plej bone elektitan. La intereso por tiu-ĉi servo instigis, ke ni preparos novan specon de ekspozicio, aĉetebla por la propra kosto plus afranko. Estas kolekto de po unu lernolibro de Esperanto en ĉiuj lingvoj nun ekzistanta, inkluzive araba, armena, persa, turka, ĉina, japana k.t.p. — Elokventa pruvo pri la universaleco de nia movado.

Krom tio ni posedas en pluraj landoj pretan ekspozicion, aranĝitan sur kartonoj kaj tolo, prunteblan laŭ fiksitaj kondiĉoj. En Svislando ni povis tiel helpi al lokaj grupoj en Zürich, Sankt Gallen kaj Genève, per unuaranga materialo, ne sendebla al aliaj landoj pro amplekso kaj kosto.

(Daŭrigo en venonta numero).

## Ĉu U E A pereu
## pro la nunaj cirkonstancoj ?
## Ne
## respondas la membroj !

La Centra Oficejo invitis aliĝi kiel Subtenanto, la sola ebleco, egaligi parte la gravajn perdojn pro la senvaloriĝo de l'mono. Ĝis kia grado ni povos adapti nian devon al la membraro, al la tute ŝanĝitaj kondiĉoj, montros la estontaj monatoj. Intertempe necesas ke ni trovu kompenson de l'atendebla manko per plia ofero de l'membraro. Kiu ajn komprenante la danĝeron de l'momento faru sian eblon kaj aliĝu kiel Subtenanto. Per *mil* subtenantoj, ni venkus se ne glore, almenaŭ honeste.

La eĥo kiun havis nia alvoko estas kuraĝiga. Bela aro da leteroj montras nigre sur blanke, ke UEA estas forte fundamentita en la koroj esperantistaj.

Sed apud belaj vortoj de rekono ne mankas la konkreta esprimo de sento per aliĝo kiel Subtenanto. Ja eĉ venis aliĝoj de Dumvivaj Membroj : Unu franco, unu italo, unu germano, unu finnlandano. Jen signo de solidareco kaj de kompreno.

El la multaj korespondaĵoj ni ĉerpas kelkajn partojn :

*... mi faros ĉion eblan por kreskigi la nombron de l'Subtenantoj.* *O. Bujwid, Komitatano.*

*... Ĵus mi ricevis vian afablan, karesan, sinceran, simpatiegan alvok-leteron. Mi faros kion mi povos.*
*Manuel Maynar Barnolas*
*Del. en Zaragoza.*

*... esperante ke UEA komprenos nian ekonomian malbonstaton kaj pro tio senkulpigos niajn malgrandajn kotizojn, mi salutas vin kore.*
*Sadrinna, Del. en Allenstein.*

*... mi esperas, ke mi sukcesos varbi pli multe ol 5 membrojn por akiri « Originalan Verkaron ».*
*Fr. Pytloun, Del. en Bakov n. J.*

*.. ke mi sendis por UEA 1000 belgajn Frankojn krom mia pago kiel MS. Kvankam mi estas nur pensiumita instruistino, mi vivas tre ŝparema por helpi Esperanton.*
*S-ino F. Staes, Koekelberg-Bruxelles.*

*Dum bona tempo ja estas facile havi esperon pri prospero, sed multe pli grava estas ne perdi kuraĝon kaj optimismon dum tempoj mizeraj. Kvankam miaj enspezoj estas reduktataj je 35% mi faros mian eblon por partopreni la sekurigon de UEA.* *Fritz Michalek, Reichenberg.*

*... sendu al nia estraro koran dankon por bona faro, ĉar ilia laboro sen financoj estos malfacila. La malbonaj tempoj gvidas la homojn sur bona vojo. Restante fidela al nia idealo mi deziras ĉion bonan.* *Karel Havel, Lhota-Bradlec.*

*... kvankam senlabora, tamen mi pagis en la intereso de l'Asocio la plenan kotizon.* *A. Baumgart, Del. Landeshut.*

*... mi esperas aliĝi dum 1932 kaj ankaŭ alsendi aliajn kotizojn. Mia frato ankaŭ esperas pligrandigi la nombron de anoj dum tiu-ĉi jaro. Plej bonan sukceson al UEA.*
*Harry Heslop, Moreton.*

*... eble Dio permesas ke en 1932 mi havas laboron tiam mi pagos la kotizon. Mi esperas ke vi lasos min en la membrolisto de UEA ke mi restu membro de l'granda familio de samideanoj.*
*J. Krawczyk, Wieliczka.*

*Vi deziras monon por UEA. Tion bedaŭrinde germanoj ne havas. Turnu vin al tiuj kiuj havas nian monon kaj estas sole kulpaj pro la tutmonda mizero.* *F. Rauch, Wartha.*

Hodiaŭ mi ricevis ekzempleron de la 1931-a jarlibro, kaj ankaŭ dum la pasintaj sep monatoj mi estas ricevinta la ĉiumonatajn ekzemplerojn de « Esperanto », kvankam mi ne estas paginta mian nunjaran membrokotizon. Via fidemeco min tre kortuŝas kaj mi volas esprimi mian dankemecon kaj certigi vin, ke tuj kiam miaj aferoj iome pliboniĝos mi alsendos mian kotizon. Depost mia alveno ĉe tiu-ĉi lando, antaŭ du jaroj, miaj aferoj ne estas prosperintaj, sed mi havas kialon atendi baldaŭan pliboniĝon, kaj tiam mi plenumos mian devon rilate al mia membreco.

Dum la tuta malfeliĉa tempo mi restas fidela je nia kara lingvo, kaj legante pri la granda nombro da nepagintaj membroj mi plene komprenas, ke vi bezonas la praktikan monsendon pli ol esprimojn de bedaŭro, kaj pro tio mi faros mian eblon alsendi la kotizon kiel eble plej baldaŭ.
L. W. Claxton, North Perth (Aŭstralio).

El letero de l'Aŭstria Ĉefdelegito S-ro Bernfeld :

« Inter tiuj malagrablaj elvidoj oni refreŝiĝas per sunbrilo el mallumo. S-ino Louise Ziwutschka, MS de la pasinta jaro kaj ankaŭ de la nuna, laŭ forto estas preta, helpi UEA. Ŝi donacis 3 kotizojn por MA, resp. 8 M, por savi en la diversaj lokoj la Delegitojn por UEA, se iu anoncos al mi sian eksiĝon ; ne povanta pagi al mi la kotizon pro la kriza stato. Tiaj faktoj denove povas kuraĝigi nin, labori kun duoblaj fortoj pro nia ideala kaj nepre bezonata celo. »

...Mia konkludo estos : UEA jam dufoje savis la movadon : dum la Ido-krizo kaj dum la mondmilito, nun ni helpu al UEA, kiam ĝi estas en malfacila situacio.

Andreo Cseh, Komitatano.

##  Turismo kaj Foiro 

*Lyon.*

La nunjara foiro invitas je partopreno aŭ vizito per moderne presita cirkulero. Ĝi okazos kiel kutime dum Marto : De l' 7-20 : Ĝenerala foiro kun higiena ekspozicio kaj ekspozicio de l'Moderna libro ; De l' 15-20 Marto : Semajno de l'Agrikultura Maŝino.

*Budapest.*

De l' 7-16 Majo 1932 okazos kiel kutime la Foiro de Budapest. Beleta kalendareto 7 × 9 cm eldoniĝis en deko da lingvoj kaj en E. Informo petu ĉe la Foira Oficejo : Alkotmany u.8, Budapest V.

*Weimar.*

Tiu-ĉi urbo estas simbola por Germanujo en du rilatoj. Vivis kaj verkis tie la du spiritaj gigantoj : Schiller kaj Gœthe, funde diversaj kaj malsimilaj sed kune nomataj por ĉiam. Plie en Weimar, Germanujo donis al si sian novan fundamenton por la ŝtata vivo : La respublika konstitucio. 22 Marto 1832 mortis Gœthe kaj du urboj germanaj inde memoras tiun tagon : Frankfurt, la devenloko kaj Weimar kie li vivis. La « Verkehrsverein en Weimar » eldonis laŭ instigo de l'Turisma Servo de UEA gvidlibreton (alta 24, larĝa 9 cm) 16 paĝa kun interesaj detaloj pri la urbo kaj pri la Gœthe-Memorfesto 1932.

*Praha.*

9-a tutsokola kongreso 1932

okazas dum Junio-Julio. La sokoloj estas specife slava jun-movado gimnasta (la vorto sokol' signifas falko). La ĉeĥa sokolmovado estis fondita de Miroslav Tyrŝ.

La komitato de l' 9a kongreso eldonis tre bele presitan gvidfolion ilustritan, montranta en foto muntaĵo konatajn konstruaĵojn de Praha : Hradĉany, Tyn, palaco Waldstein (Wallenstein) k.a. fine sokolan ekzercbildon. La folio resume informas pri ĉefaj ban- kaj restadlokoj. Informojn petu en Esperanto de : Kancelario IX. Sleto Vŝesokolského, Praha III (Tyrŝuv dum).

---

## Aforismoj

De M. Goldschmidt.

« Ĉio havas limojn ! » diras iuj, pro kio ili neniam ĉesas kontrabandi.

Profunda religieco ne tiom vidiĝas en la rilato de l'homo al Dio, sed en tiu ĉi al la homoj.

Per kiom malmulte la homoj kontentiĝas.... donacante.

Inter la Kabo de l'Bona Espero kaj la Bordo de l'Forgeso troviĝas la vivo.

Al vera hipoĥondrulo la plej bela rozo estas nur... dorno en la okulo.

Flato estas speco de luksaj komercaĵo, kalkulita je trompo kaj pro tio necesigante elegantan envolvaĵon.

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 15 Februaro 1932**

### Adresaro

Okaze de l'jara kontrolo, ni konstatis, la Delegitoj en sekvantaj lokoj ne pagis la kotizon. Konforme al la statuto, ili estas forstrekataj. Ne plu estas D en jenaj lokoj :

| | Nombro |
|---|---|
| *Argentino.* — La Plata, Mar del Plata | 2 |
| *Aŭstralio.* — Nowra, Seymour, Townsville | 3 |
| *Aŭstrio.* — Hausmening, Melk, | 2 |
| *Belgujo.* — Erpe, Gosselies, Jemelle, Kalloo, Mijlbeke, Mouscron, Tirlemont, Waterloo | 8 |
| *Bolivio.* — Oruro | 1 |
| *Bulgarujo.* — Beglej, Burgas, Foten-Peŝtersko, Osman-Pazar, Peŝtera, Petriĉ Razgrad, Saladinovo, Tirnovo, Turski Trastenik | 10 |
| *Ĉeĥoslovakio.* — Bedihoŝt, Bene, Buchau, Fyr, Lomnice nad Popelkou, Modrany, Oslavany, Parchoviany, Reky-Podmoklice, Rokycany Semily, Sevluŝ, Velky Berezny, Velky Bor, Vitkovice, Wiese, Zabludov, Zeleznice | 18 |
| *Egipto.* — El Kahira, Port Said | 2 |
| *Ekvadoro.* — Quito | 1 |
| *Finnlando.* — Forssa, Kouvola, Loimaa | 3 |
| *Francujo.* — Bourg-la-Reine, Bourges, Champigny-sur-Marne, Colmar, Le Creusot, Montpellier, Saint-Chamond, Saint-Pierre-sur-Dives, Villeneuve-Saint-Georges | 9 |
| *Germanujo* — Fürth, Gaussig, Gutenzell, Hanau, Herne, Hildburghausen, Lippstadt, Striegau, Waldsee, Wismar, Wolfenbüttel | 11 |
| *Greklando.* — Chalkis, Pireo, Veria | 3 |
| *Hispanujo.* — Gijon, Jaca, Salamanca, San Antonio de Vilamajor, Terrassa | 5 |
| *Hungarujo.* — Nagykanizsa, Sopron | 2 |
| *Italujo.* — Cattolica, Parma, Riccione, Suzzara | 4 |
| *Japanujo.* — Tobata-shi | 1 |
| *Jugoslavio.* — Bregi-Koprivnica, Daruvar, Janjina, Obrenovac | 4 |
| *Latvolando.* — Asari | 1 |
| *Litovujo.* — Radviliŝkis | 1 |
| *Nederlando.* — Valkenburg | 1 |
| *Ned Hindujo.* — Sourabaya | 1 |
| *Norvegujo.* — Halden | 1 |
| *Polujo.* — Biala-Podlaska, Bolechow, Czortkow, Gdynia, Grodno, Grudziadz, Kalisz, Pelplin, Piaski Luterskie, Proszowica, Staszow, Tomaszow-Maz | 12 |
| *Portugalo.* — Caria, Castelo Branco | 2 |
| *Rodezio.* — Salisbury | 1 |
| *Rumanujo.* — Balani, Beclean, Cavarna, Hateg, Ineu, Lipova, Ludosul de Mures, Moreni, Orasul-Nou, Radauti, Silistra, Targu-Mures, Teius | 13 |
| *Saar.* — Neunkirchen, Wiebelskirchen | 2 |
| *Sao Tomé.* — Sao Tomé | 1 |
| *Sirio.* — Beyrouth, Mosul | 2 |
| *Svedlando.* — Alvesta, Bjuv, Frillesas, Hallsberg, Hammarö, Hudiksvall, Linköping, Lyse, Manserud, Svedala | 10 |
| *Usono.* — Alvarado (Cal.), Flint (Mich.), Greenland (N. H.), Los Gatos (Cal.), Metuchen (N. J.), Miami Beach (Flor.), Moundsville (W. V.), Oakland (Cal.), Petrolia (Penn.), Richland (Ind.), Spokane (Wash.), Saint Paul (Minn.), Saint Petersburg (Flor.) | 13 |
| La sumo de l'lokoj forstrekitaj estas | 150 |

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Nov. 1931 | 2029 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | 150 » |
| Stato | 1879 lokoj |

La nombro de forstrekoj pro nepago de l'kotizo respeguligas la situacion. Tamen ĝi ne tiom superas tiun de l'jaro 1930 kiu estis 95, kiom oni povis timi. Kutime revenos iuj el ili post ioma tempo.

Pro amasego da ŝanĝoj kaj novaj lokoj la informo pri ili nur povos aperi en venonta numero.

*Stato de UEA.* — Je la 31-a de Januaro 1932, la Centra Kaso enskribis kotizojn laŭ jena tabelo. Por kompari ni aldonas staton je la sama epoko de l'jaro 1931.

| Kategorio | 1932 | 1931 |
|---|---|---|
| Helpmembroj | 10 | 12 |
| Membroj | 931 | 881 |
| Membro-Abonantoj | 1669 | 2699 |
| Subtenantoj | 295 | 279 |
| | 2905 | 3871 |

*Budĝeto 1932.* — La Komitato de UEA aprobis la budĝeton por 1932 aperinta en ESPERANTO, Januaro 1932 paĝo 2-3. Nombro de Komitatanoj 24. Respondis 21. Akceptis 20, malakceptis 1.

*Eksiĝo el la Komitato.* — S-ro Prof. D-ro J. Dietterle, Direktoro de la Germana Esperanto-Instituto en Leipzig, eksiĝis kiel komitatano de UEA, ĉar pro malbona sanstato li rezignas je siaj postenoj en la oficialaj institucioj. Elektita en 1925, li montris viglan intereson por la laboroj de nia Asocio kaj ni deziras esprimi al li la varman dankon por liaj bonaj servoj.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon al UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk. Svis. | 12.900.— |
| 44. S-ro Clemente Daglio, Alessandria | | 300.— |
| | Frk. Svis. | 13.200.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en tri partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G.K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

*Cito.* — Konforme al Art. 69 ni citas pro nerespondo al korespondajoj : S-ino Blicher, D en København.

Skribinte plurfoje ni ne sukcesis ricevi respondon. Informpetantoj sin turnu tiam al la VD ĝis la situacio estas klarigita.

*Informpetoj.* — La D en Fayoum atentigas, ke pro altigo de l'afranko al eksterlando, informpetantoj sendu minimume 0,40 Frk. svis. por L aŭ 0,30 por PK.

Genève, 15 Januaro 1932. Hans Jakob, *Direktoro de UEA.*

## Por la senarmigo

Okaze de l' konferenco por senarmigo en Ĝenevo, la svisa poŝto eldonis specialan poŝtmarkon. Speciale atendinda estas ke la teksto estas en franca lingvo. Kutime la svisaj poŝtmarkoj havas tekston latinan.















# Tra la Mondo Esperantista

## 24-a Universala Kongreso de Esperanto (Parizo 1932)

### RADIO-KOMISIONO

**Ĝenerala Plano**

La laboroj de la fakaj kunvenoj de la Radio-Komisiono estas dividitaj laŭ 10 sekcioj :

Sekcioj : I. — Internacia organizado de la Esperantista Radio. — Internacia Radio-Servo : programoj, propagando, dissendoj, ricevoj, devoj de la esperantistaj aŭskultantoj : aŭskulti, peti, gratuli. — SOS-servo. — Statistiko. — Adresaro. — Gazetaro.

En tiu sekcio estas aranĝita Kunveno de Internacia Radio-Servo.

II. — Naciaj Organizaĵoj : Franca organizaĵo, Radio-Club Espérantiste de France kaj Centra Franca Informejo por Radio kaj Esperanto : sekcioj, delegitoj. — Rilatoj kun Internacia Radio-Servo : naciaj sekretarioj. — Rilatoj inter naciaj organizaĵoj por komunaj celoj (teknikaj, propagandaj, ktp.). — Kreado de Radio-Kluboj Esperantistaj en ĉiuj landoj.-Rilatoj kun Radio-Stacioj.

III. — Teknika parto por ĝenerale utilaj aferoj : organizado de internaciaj komisionoj por esploradi aferojn tiajn, kiaj mallongaj ondoj,-atmosferaĵoj, -fadoj, -radiointerferoj, ktp.

IV. — Organizado de esperantistaj dissendoj : identigo de la stacioj,-Esperantistaj programoj kaj ĝeneralaj programoj resumitaj esperante, -Kursoj kaj paroladoj, novaĵoj pri la esperanta movado kaj diversaj, — Tagoj, horoj kaj daŭroj de esperantistaj dissendoj, — Leterskatoloj inter stacioj, — Deziroj de la aŭskultantoj, — Agadplano, ktp.

V. — Teknika Vortaro : revizio kaj kompletigo.

VI. — Radio kaj Esperanto por Blinduloj.

VII. — Radio kaj Esperanto por Skoltoj.

VIII. — Radio kaj Esperanto por mara savado kaj aviado.

IX. — Esperanto por rilatoj teknikaj kaj komercaj inter Konstruistoj de radio-aparatoj : disvendaĵoj, merkatoj, eksportado kaj importado, ktp.

X. — Diversaj temoj. — Parolanta Filmo. — Elektra Fonografo.

La personoj, kiuj deziras prezenti raportojn pri iu ajn el tiuj temoj, devos sendi siajn Raportojn, kiel eble plej rapide, kaj antaŭ la 1a de Julio 1932, kaj *duekzemplere maŝinskribite*.

La legado de ĉiu raporto ne devos daŭri pli ol 10 minutojn, kaj la aŭtoroj estas petataj verki resumon ĉe la fino de siaj raportoj kaj aparte dezirojn.

La Prezidanto de la Radio-Komisiono.
Henri FAVREL, inĝeniero E.C.P.
27, rue Pierre Guérin. Paris 16e.

## ** ITALA ESPERANTO-MOVADO **

**Resumo de Informoj de l'Delegito por eksterlando, Brescia.**

*Brescia.* — Du kursoj en R. Teknika Instituto kaj en « Magistrale » Gvidas Prof. Facchi.-Alia kurso, gvidata de F-ino Dragoni.
*Casale Monferrato.* — Elementa kurso. Gvidas Prof. Ubertis.
*Cordenone.* — Esp. ekspozicio. Kurso gvidata de F-ino Hanna Berger.
*Concordia di Pordenone.* — Prelego ĉe pastra seminario. Gvidas Prof. Bianchini.
*Gradisca d'Isonzo.* — Grupo fondiĝis ĉe « Post Laboro », dank'al klopodoj de l'Del. de UEA, Virgilio Foschian.
*Livorno.* — Kurso ĉe la loka grupejo.
*Milano.* — Kurso Gvidas Pastro Violi. Alia ĉe Itala E. Centro, gvid. de Inĝ. Orengo.
*Napoli.* — Kurso, gvidata de Pastro Stellacci, Del. de UEA.
*Pola.* — Kurso en Reĝa Liceo.
*Pordenone.* — Kurso ĉe R. Teknika Instituto. Gvidas Prof. Hanna Berger.
*Palazzolo sull' Oglio.* — E. Grupo ĉe « Post Laboro ». Kurso gvidata de l'Del. de UEA, Carlo Paderno.
*Riva del Garda.* — Esperanto-Oficejo ĉe banko Unione Bancaria Nazionale.
*Roma.* — « Post Laboro » : Dopo Lavore, faŝista organizaĵo kleriga anoncas inter aliaj kursoj, ankaŭ tian pri E.-Gvidas S-ro Blasimme, VD de UEA.
*Torino.* — Kurso en stacidomoj ĉe sidejo de Fervoja « Post Laboro ».
*Trieste.* — Du kursoj gvidataj de F-inoj Boccasini kaj Asquini.
*Ramolfo.* — Alia kurso en grupejo, gvidata de Prof. D-ro Canuto.
*Venezia.* — Kurso gvidata de Prof. Pizzi.
Januaro 1932.

G. F.

## Oni dankas

*** S-ro Jozefo Wohlberg, VD UEA en Arad Ruman., tutkore dankas al S-ro H. Harabagiu D en Bucuresti, pro tre valoraj servoj kaj afabla helpo dum sia longa restado en la rumana ĉefurbo.

*** La organizantaro de la eksperimenta enketo de IALA kore dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj tiom afable helpis al ĝia reprezentantino. S-ino Ith, kaj tiom kompleze faciligis ŝian laboron kaj beligis ŝian rondvojaĝon por IALA. Inter multaj aliaj, tute speciale meritas dankon : F-inoj Ŝupichova, Hejnova kaj Dandová en Praha ; Familio Neuzil, S-roj Kudela, Mastny, Mrázková, Kched, kaj Luĉjo Neoral en Olomouc ; S-ino Neuberg, D-ro Dreher, S-roj Hodakowski kaj Wiesenberger en Krakovo ; Familio Simon en Vieno ; S-ino Kozma, D-ro Mihalik, D-ro Szilagyi, S-oj Balkanyi, kaj Kőkeny en Budapeŝto ; D-ro Maruzzi kaj S-ro Rotkviĉ en Zagreb ; S-ino Ŝinkovec, S-roj Herkov, Jeleniĉ, Kozlevĉar, D-ro Reya en Ljubljana ; D-ro Francke en München.

*** Prof. Michele Arabeno, D en Genova kore dankas la kolegojn. Gomes de Freitas en Funchal, Jorge de Saldanha Carreira, policisto A. M. Mateno, Lisbono, Pedro Garcia, Ceuta, kaj samideanoj en Napolo kiuj agrabligis lian restadon.

*** S-ro Frederiko Kühner, Delegito en Bzenec, Ĉeĥoslovakio, plej sincere dankas al S-ro Francisko Heikenwälder, Stanislav Jerabek, F-ino Vlasta Kubinova en Prostejov por granda kaj samideana servo. Plue mi plej kore dankas al familio de S-ino Anna Krchuak, S-roj Walter Mudrak, Anton Deuks, Hugo Jakob, Alois Miksche, F-ino Leopoldine Biberle, Polly Fida, Grete Kellermann, Maria Letfuss, Rosa Jünger, Any Zich, Any Vudryas, kaj M. Nestler por agrabla kaj samideana afableco dum restado en Vieno.

## Astronomoj-astrologoj

Verŝajne multaj astronomoj jam antaŭkalkulis la eklipsojn de suno por la jaro 1932. Okaze la somera loĝdomo « Seĝo amfiteatra » de l' Delegito de UEA, en Brownfield (Maine, U.S.A.) troviĝas nur du mejlojn distance de mezo de suna tuteklipsa vojo de Aŭgusto la 31-a, 1932 Do, provizore, invitou al internacilingvaj astronomoj, ke ili vizitu tiun lokon, kie oni povos ekobservi antaŭe po dudek minutoj venantan eklipsombron sur malproksima montarĉeno de plej altaj montoj en Nova Anglujo. Al ĉiuj, kiuj petos en Esperanto, mi sendos senpage skizon de tiu ĉi montaro kaj eklipsvojo krom reklamfolioj.

N. W. Frost, Under the Green Star, Brownfield, Usono, Maine.

## Minaco al Mondpaco

titoloĝas jus ricevita broŝuro el Ĉinujo. Ĝi estas eldonita de la Komitato por Internaciaj Rilatoj en Nankin (5 Mao Tan Strato) kaj informas pri la konflikto, la deveno kaj sinsekvo, inter Japanujo kaj Ĉinujo, prave citata kiel « minaco al mondpaco ». Sur 56 paĝoj evoluiĝas la « petskribo de japana ĉefministro Tanaka » al la imperiestro. Ni revenos pri la enhavo en venonta numero de tiu ĉi revuo. Interesuloj povos ĝin ricevi de la eldoninta komitato (Propaganda Fako de la Ĉina registaro) laŭ supra adreso.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ino G. Wickham-Leseurre*, D en Mougins, A.M. Francujo, 30.XI.31 en Paris. Malavare subtenis nian movadon.

*S-ro Robert I. Clegg*, DM 225 de UEA Cleveland (Ohio), 3.XII.31 65 jaraĝa.

*F-ino R. Asquith*, Anino 18690 en Keighley 21.XII.31.

*S-ro Eduard Elten*, eksternejestro, DM 83 de UEA longjara fidela D en Hildesheim, German., 2.I.32, 82 jaraĝa. Malgraŭ ĉiuj sortbatoj li konservis junecan fervoron, propagandinte kaj instruinte la amatan lingvon. Samideanoj vizitintaj germanajn kongresojn memoras la blankharan ĉiam viglan kunbatalinton. Esperantistoj partoprenis entombigon.

*Sinceran kunsenton !*

## ▣ BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA ▣

### Novaj libroj 1931

Ishiguro, Yoshi H. — *Esperanto por Komencantoj.* Sinŝisooŝa, Tokio. 226 p. 13 × 19. Prezo 1 jen (1931-113).
Ishiguro, Yoshi H. — *Abocolibro de Esperanto.* Taijodo, Tokio. 258 p. 13 × 19. Prezo 1.50 jen. (1931-114).
Ishiguro, Yoshi H. & Kurachi-Haruo. — *Fundamenta Vortaro Esperanto Japana.* Kiboŝa, Tokio. 98 p. 6,5 × 14. Prezo 0.20 jen. 1931-115).
Ishiguro, Yoshi H. — *Nova Kurso de Esperanto.* Japana Esperanta Asocio, Tokio. 132 p. 13 × 19. Prezo 3 jen. (1931-116).
Schwartz, Raymond. — *La Stranga Butiko.* Esperanto Presejo J. Solsona, Paris. 124 p. 12,5 × 16,5. (1931-117).
Van den Vondel, J. — *Gysbrecht van Aemstel.* Trad. de Ir. J. R. G. Isbrücker. W. J. Thieme, Zutphen. 80 p. 15 × 22. (1931-118).
Strang, R. K. — *La Pretendoj de Kondiĉa Senmorteco.* Kondiĉa Senmorteca Misio Internacia, London. 16 p. 12 × 18. (1931-119).
Carolfi, Prof. P. M. — *Preĝareto.* A. Paolet Eldonanto, S. Vito al Tagliamento. 47 p. 8 × 12. (1931-120).
Greffkowicz, Zygmunt. — *Niemi Przemowia.* Sklad Glowny « Dom Ksiazki Polskiej », Warszawa. 35 p. 15,5 × 22,5. (1931-121).
Internacia Scienca Asocio Esperantista. — *Scienca Fundamenta Esperanta Terminaro.* 24 p. 15,5 × 24,5. (1931-122).
Rollet de L'Isle. — *Scienca Fundamenta Esperanta Terminaro.* Internacia Scienca Asocio Esperantista. 100 p. 15,5 × 24,5. (1931-123).
Zauner, Josef. — *Der Weg zur Europa Partei.* « Libro », Temesvar. 36 p. 15 × 22,5. (1931-124).
Gluck, Julius. — Eldonejo-Presejo *Zamenhof.* Max Haase, Berlin. 8 p. 15 × 22. (1931-125).
Azorin, Fr. — *Universala Terminologio de la Arkitekturo.* Presejo Chulilla y Angel, Madrid. 16 p. 14 × 20.(1931-126).
Levada, O. — *Sendiuloj ŝturmas Dnepron.* Trad. de V. Kolĉinski. « Ekrelo », Leipzig 14 p. 12,5 × 18. (1931-127).
Svjatenko, F. — Nova kaj malnova Uzimiajstro Trad. de E. Ŝvedova. « Ekrelo », Leipzig. 22 p. 125, × 18. (1931-128).
Waringhien G. — *L'Esperanto et la Stylistique.* Ligue Française des Amis de l'Espéranto. 16 p. 13,5 × 21,5. (1931-129).
Baghi, Julio. — *Publika Letero pri la Reorganizado.* Eldono de Hungarlanda Esperanto Societo, Budapest. 23 p. 15 × 23. (1931-130).
Gueritte, T. J. — *Esperanto in the Field of Engineering.* The Society of Engineers, Westminster. 35 p. 14 × 21,5. (1931-131).
Kalocsay, K. — *Eterna Bukedo.* Literatura Mondo, Budapest. 350 p. 13 × 20. (1931-132).
***. — *Miniatyrallas.* Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 16 p. 9 × 11. (1931-133).
Jansson, Rektor S. — *Texthäfte till Grammofonksurs i Esperanto.* Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 20 p. 15 × 23. (1931-134).
Jansson, Sam. — *Ovningsbok till Elementarkurs i Esperanto.* Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 32 p. 14,5 × 21,5. (1931-135).

La Bibliografia Servo de UEA deziras akiri kaj petas proponojn :
Villareal F. : Resistencia de las columnas de fierro. Influencia de los errores de Imprenta.
Rezisteco de la ferkolonoj. Influo de la preseraroj. Lima 1904. Imprente de la Escuela de Ingenieros.






# Internacia Polica Ligo

**Oficiala Informilo**

## Al la policistaro de ĉiuj landoj !

Laŭ komisio de la Internacia Polica Ligo ni havas la honoron informi vin : La helplingvo Esperanto donas al ni ĝis nun ne ekzistantan interligilon, ebligas al ni, facile kompreni unu la alian en la tutmonda rondo de nia ŝatata fakfrataro. Nova organizaĵo de Internacia Polica Ligo jam estas fondata de policistoj diverslandaj, kiuj lernis la lingvon Esperanto.

La lingvo Esperanto prezentas la komunecon kaj la interligilon en ĉi tiu nova organizaĵo de policistoj el diverslingvaj landoj. Helpe de ĉi tiu organizaĵo la aliĝintaj policistoj celas praktiki la lingvon Esperanto en la servoj de la diverslanda polico. Tiamaniere ili celadas praktiki la vojon al plej taŭga kunlaborado de la tutmonda policistaro. En ĉiuj landoj la policistoj havas la saman devon, gardi la leĝojn de siaj ŝtatoj, kontraŭi krimfarojn ĉiuspecajn, ŝirmi kaj protekti la publikon kontraŭ malboncelaj atakoj de malbonfaruloj.

Profesiemaj krimuloj bone scias eluzi ĉiujn rimedojn por esti kaptitaj de la policistaro samegale en ĉiu lando. Post grava krimfaro en iu ajn lando ili ofte preferas forkuri en alian landon fremdan, por tie kaŝe vendi la aĵojn malhoneste akiritajn aŭ por resti nekonataj kaj ne kaptitaj de la fremdlanda policistaro. Por plej taŭga persekutado inter la diverslanda polico ĝis nun mankas rapidmaniere uzebla interligilo, por ebligi tujan informigon de la fremdlandaj policistoj. Ĉi tiun gravan mankon celas forigi la Internacia Polica Ligo per praktika uzado de la lingvo Esperanto. La liga laboro plue celas favorigi opiniajn interŝanĝojn inter la policistoj de ĉiuj landoj pri plej diversaj problemoj, ĉu deĵoraj, ĉu ligaj aŭ privataj. Tiamaniere vigligi la interrilatojn inter la policistaro eĉ tutmonda.

La Internacia Polica Ligo prezentas politike kaj religie neŭtralan unuiĝon de policistoj el ĉiuj landoj lernintaj la lingvon Esperanto. Ĝi celas propagandi la lingvon Esperanto inter la policistaro tutmonda, kunligi esperantistajn policistojn por progresigi inter ili la fakscion kaj la senton de la profesia solidareco internacie. Plue kompренigi al la publiko la sencon de la polica laboro por solvi ĝin en harmonia interkonsento kaj lastfine akceli la enkondukon de la helplingvo Esperanto en la internacia polica servado per helpo de la kompetentaj estraroj.

La ligon estras prezidanto S-ro D-ro M. Ruth, Bern, kun pliaj estraranoj. La ĉefajn laborojn plenumas liga direktoro S-ro Paul Teuchner, Leipzig 0.28. Eisenbahnstr. 111. b. En ĉiuj lokoj, kie estas anoj, funkcias loka delegito, en ĉiuj landoj landa delegito, laŭ statutaj instrukcioj. Liga redaktoro S-ro Arthur Pohle, Dresden Johann Meyer Str. 6. b. zorgas pri oficialaj informoj de la ligo en la Revuo Esperanto, oficiala organo de la Universala Esperanto Asocio.

Disputo pri la taŭgeco de la lingvo Esperanto ne estas rajtigata. Ĝi plene pruvis sian taŭgecon kiel helplingvo por ĉiuspecaj rilatoj per multaj specialaj kongresoj Speciala Lingva Komitato daŭre zorgas pri ĝia evoluado kaj perfektigado kaj nur kompetentas akcepti iu ajn pliboniĝcelajn proponojn.

Policistoj el ĉiuj landoj, vi estas petataj, nepre atenti la valoron de la lingvo Esperanto, helpu ĝian disvastigon en viaj rondoj, komencu multnombre ĝian disvastigon per lernado kaj unuiĝu en la Internacia Polica Ligo ! Helpu tiamaniere praktiki plentaŭgan komunan helplingvon en via laŭdinda laboro al la tuthomara bono ! Lernu Esperanton kaj aliĝu al Internacia Polica Ligo !

D-ro M. RUTH,
Liga Prezidanto, Bern.

Paul TEUCHNER, Kriminalinspektoro (pens) Leipzig.
Arthur POHLE, Kriminalkomisario, Dresden.

Ĉi tiu alvoko celas grandstilan propagandon inter la policistaro de ĉiuj landoj nur jene atingeblaj :

Ĉiulanda delegito de Internacia Polica Ligo kaj kie tiaj ne estas la delegitoj de Universala Esperanto Asocio traduku ĉi tiun alvokon nacilingve kaj sendu la tradukaĵojn al la redakcioj de policaj fakrevuoj en siaj landoj kun aldonita peto, publikigi por diskonigi ĝin al ĉiuj policistoj de siaj landoj.

Post apero de la tradukaĵo nepre alsendu revuan ekzempleron al nia liga direktoro por statistika kolekto.

Tutkore ni petas la delegitaron nepre plenumi ĉi tiun peton ne nur legu kaj indiferente flankenmetu la alvokon, sed helpu vere grandstilan propagandon, ĉar alie la alvoko restas senvalora. Plenumu viajn esperantistajn devojn en la celo disvastigi nian lingvon !

En Germanlando mi mem prizorgos la tradukojn kaj alsendon al la redakcioj de la kompetentej policaj fakrevuoj.

A. POHLE,
Liga-Redaktoro.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, (H. & P.) nur PM. (Malrespondas bagatelajojn).

*Bello Horizonte* (Brazilo). — Georges Delacroix, Rua Goytacazes 1305, deziras korespondi L, PI bfl pri turismo, polico, sporto, kaj militaj aferoj. Interŝanĝas E-prop-ajojn.

*Bordeaux.* — S-ro Jean Avril, chez Reine Bertin, 103 rue Binaud, L. kun angloj, germanoj, rumanoj por ellerni iliajn lingvojn.

*Bruges.* — Bruĝa Grupo Esperantista deziras ricevi korespondajojn nur el eksterlando por sia korespondа vespero de la 29a de marto venonta. Al ĉiu skribinto, nepre iu membro respondos. Adreso ĉe la sekretario : S-ro Charles Poupeye, 49, Boulevard Leopold II, Bruges-Brugge. Belgujo.

*Bzenec en Moravio* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frederiko Kühner, delegito de UEA., PI., L., Fot-ajoj, PM., gaz., librojn kun junaj F-inoj el Usono, Aŭstralio, Azio, Afriko. Skribu rekomendite, mi garantias al vi alvenon de la respondo.

*Den Helder* (Nederlando). — S-ro C. Govers. Janzenstraat 70 PI. bildfl. kun Lumturoj. kun ĉiuj Landoj.

*Ĉernilov* (Ĉeĥoslov.) — S-ro Rudolf Jandik, muzikinstruisto, k.ĉ.l. citristoj.

*Chelmo* (Pomorze, Polujo). — S-ro Kazimierz Dobrzalski, kompostisto, deziras korespondadi pri ĝen. temoj kun ĉ. land

*Etriché* (Francujo, Maine-et-Loire). — S-ro Emile Touvais, L., PI.,

*Forshaga* (Sved.). — S-ro Gösta A. Eriksson, Box 87, PI., k.ĉ l.

*Gjövik* (Norveg). — S-ro Martin Myre, Storgaten 6. L., PI., (nePM.).

*Halle a.d. Saale* (Germanujo). — S-ro Franz Pfeiffer fervojisto, Königstrasse 57-2, PI., fotoj de fervojistoj en uniformo.

*Holeischen* 127 *ap. Pilsen* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Wuchterl, PM., k.ĉ.l. sed nur kun seriozaj filatelistoj.

*Kostelec nad Orlici* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Vesely, instruisto, Tumova 535, PI., k.ĉ.l. Certe resp.

*La Mure* (Francujo Isère). — Grupo Esperantista, PI. nur kun geknaboj 14 jaraj, ne konantaj la francan lingvon kaj kiuj ĉeestos Parizan kongreson. Respondos nur post unua de Aprilo.

*Landeshut* (Germ. Schlesien). — S-ro A. Baumgart, Schliessfach 120, belegaj PI,' bfl. artpoŝtkartojn, desegnajojn. koresp. kun gepacifistoj kaj gedesegnistoj aŭ kun f-inoj per stenografio Duployé-Flageul k.ĉ.l.

*Marshfield* (U.S.A., Oregon). — S-ro A. H. Rogers, 28-jara komerca instruisto, L., P.K., k.ĉ.l., pri ĉiuj temoj. Resp. garantita.

*Moskvo.* — Nikolas N. Schaschkin, Poschtamt, Miasnickaja 26 Poste Restante, PI., MP., L., jurnaloj, libroj, liter. scienc. divers.

*Nachod* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Wladimir Ĉizek, advokata oficisto, Raŝinova ulice, PM., k.ĉ.l.

*Neukirchen* (Germ. Erzgeb.). — S-ro Paul Hoyer, kor. kun italoj kiuj entreprenus kun du germanoj biciklo-vojaĝon tra Italio. PI., k.ĉ.l.

*Plauen i. V.* German.). — S-ro Gefr. W. Damisch, kaj F-ino M. Damisch, Friedrichstr. 18 precipe kun ekstereŭropanoj.

*Portalegre* (Portug.). — S-ro Antonio Caldeira Firmino, universitata studanto dez. korespondi kun gestudantoj esperantistaj de la tutmondo. Certe respondos.

*Praha Straŝnice* 94. — S-ro Karel Straka interŝanĝas pk. il. let. esp. gaz., PM. bazo Yvert 1932. k.ĉ.l.

*Praha VII.* — S-ro Jaroslav Herman, Dobrovského 18, PI., PM., L., k.ĉ.l. ĉiam resp.

*Rucava* (Latvio). — S-ro J. Girnis, Meiriŝki, PI., L.

*Valkenswaard* (Nederlando). — S-ro Antoon Staals, Dommelen 56, L., PI., PK., PM. Garantias certan kaj baldaŭan respondon.

*Zlonice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro V. Faigl, juristo, PM., laŭ Yvert, Michel. Certe resp.

# Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Fotografistoj.* — Profesiuloj kaj amatoroj ! Samideanoj el ĉiuj landoj, okupiĝantaj pri la fotografarto, estas petataj en afero ilin interesanta, sendi tuj siajn adresojn al Wlodzimierz Pfeiffer, Delegito de UEA, Ksiegarnia Fiszera, Lodz, Pollando.

*Heipo.* — Esperantista Societo « Heroldo », Sevlievo, Bulgar., Petas bonvolajn samideanojn sendi donace esperantajojn por starigi bibliotekon. Antaŭe koran dankon : Nikola Marinov, Sevlievo.

*Katolikismo.* — Ne-katolikoj kiuj deziras informojn pri la katolika diservo povos ricevi ilin senpage de unu el katolikaj informoficejoj en Nederlando pere de l'korespondanto M. Goossens, Nobelstraat 10, Brielle, Nederlando.